# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — TRIA JARO — 7–8





REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII., RÖKK SZILÁRD-STR. 28. HUNGARIO

# PREZARO

**Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj**

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| K. Kalocsay: *STREĈITA KORDO | | 1.20 |
| Madách—K. Kalocsay: TRAGEDIO DE L' HOMO | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: INFERO | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: ARTHISTORIO I. | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: *PARNASA GVIDLIBRO | | 1.— |
| Bleier—Kökény—Ŝirjaev: *ENCIKLOPEDIO DE ESP. vol. I—II. ilustrita | | Elĉerpiĝis |
| Nur la II-a vol. ilustrita | | 5.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): DE PAĜO AL PAĜO | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: DEKDU POETOJ | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: FINE MI KOMPRENAS LA RADION | | 1.40 |
| E. Wiesenfeld: VERKARO DE FEZ | | 2.— |
| Van Loon—Saville: RIGARDU LA TERON | | 4.— |

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Kalocsay—Baghy: ARĜENTA DUOPO, jubilea libro, I-a volumo | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) | | —.50 |
| A. Baur: SVISA ANTOLOGIO | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: RIMPORTRETOJ | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: SORĈISTINO EL KASTILIO | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Bzrekowski: PRI L' MODERNA ARTO | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: LA JUDA ŜTATO | | —.90 |
| Adamson: AULI | | —.60 |
| I. Lejzerovicz: EL LA VERDA BIBLIO | —.70 | —.40 |
| Jerome—Badash: TRI HOMOJ EN BOATO | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: AMO DE TOOJUURO | | —.40 |
| Goethe—Kalocsay: ROMAJ ELEGIOJ | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: MIA SPEKTRO | | —.50 |
| Bleier—Ĉense: ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per*, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Mondo kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via libristo.

# LA DAMO DE PIKO

A. S. PUŜKIN

*La damo de piko signifas sekretan enviulon.* (Centjara aŭguristo)

## I. Capitro.

*Se pluvo dense ŝtormis,*
*Sin kompanio formis*
*Tre ofte.*
*Kaj — Dio vidas — artoj*
*Ekfloris de ludkartoj.*
*Gajnulo aŭ perdulo*
*Skribadi sur tabulo*
*Fervoris.*
*Se pluvo ŝtormis dense,*
*Do tamen ili intense*
*Laboris.*

Foje ni kartludis ĉe kavaleria gvardi-kapitano Narumov. Senrimarke pasis la longa vintra nokto; matene je la kvina ni sidiĝis al matenmanĝo. Kiuj ĵus gajnis, tiuj manĝis kiel lupoj; la ceteraj distrite sidis apud sia malplena telero. Sed oni alportis ĉampanon, la konversacio vigliĝis, kaj ni partoprenis ĝin ĉiuj.

— Kiel vi finis, Surin? — demandis la dommastro.

— Kiel kutime. Mi perdis. Mi devas konstati, ke mi estas malŝanca. Mi ludas singarde, neniam mi perdas la kapon, nenio min povas embarasi en miaj kalkuloj, kaj tamen mi ĉiam nur perdas.

— Kaj ĉu vi neniam estis tentata? Neniam vi ludis je honora vorto? Mi miras pri via konstanteco.

— Sed jen estas Hermann! — diris iu gasto, montrante al juna inĝenier-oficiro, — neniam en sia vivo li havis kartojn en la mano, neniam en sia vivo li albalais gajnon, kaj tamen li estas kapabla sidadi ĉi tie ĝis la kvina matene kaj rigardi nian ludon.

— La ludo min interesas eksterordinare — diris Hermann — sed mi ne estas en tia situacio, ke mi povu riski la nepre bezonatan en la espero akiri superfluon.

— Hermann estas germano kaj kalkulema, tio klarigas ĉion — rimarkis Tomskij — sed, se iu estas vere nekomprenebla al mi, tiu estas mia avino, grafino Anna Feodorovna.

— Kiel? Pro kio — kriis la gastoj.

— Mi ne povas kompreni — daŭrigis Tomskij — kial ne poentas mia avino?

— Kio mirinda en tio — demandis Narumov — ke okdekjara maljuna sinjorino jam ne poentas?

— Mi vidas, ke vi nenion scias pri ŝi.

— Ne, vere nenion.

— Do aŭskultu! Sciu, antaŭ ĉio, ke mia avino antaŭ sesdek jaroj vizitis Parizon, kie oni sin ege solenis. La popolo kuris post ŝin por vidi *la Vénus Moscovite*. Richelieu mem entuziasmis pri ŝi, kaj mia avino firme asertas, ke tiu sinjoro preskaŭ mortpafis sin pro ŝia dur-koreco. La sinjorinoj tiutempe ludadis faraonon. Foje, en la kortego, mia avino ludis je kredito kun la princo de Orléans, kaj perdis ian tre grandan sumon. Hejmenveninte, delavinte de sia vizaĝo la beloplastreton, kaj elvolviĝinte el sia skvama jupo, ŝi rakontis al mia avo, kiom ŝi perdis, kaj ordonis al li pagi. Mia karmemora avo, kiom mi memoras ,estis pantoflulo. Li timis mian avinon kiel fajron, tamen, kiam li ekaŭdis tiun terure grandan perdon, li ribelis, prenis siajn kalkulojn, kaj pruvis, ke dum duonjaro ili malŝparis duonmilionon, kaj, de kiam ili estas en Parizo, ili jam disipis la vilaĝojn apud Moskvo kaj Saratovo; sekve de tio li plej rekte rifuzis la pagon. Mia avino donis al li kelkajn grandajn vangofrapojn, kaj por sentigi al li lian senfavoriĝon, ŝi kuŝiĝis dormi sola. La sekvan tagon li vokis sian edzon antaŭ sin, esperante ke la doma puno efikis al li bone, sed tiu restis nefleksebla. Nun okazis unuafoje, ke ŝi emiĝis fari klarigojn kaj eksplikojn al sia edzo; ŝi kredis, ke ŝi konvinkos lin, se ŝi degne lin klerigos pri tio, ke ŝuldo estas ŝuldo, oni devas ĝin pagi, kaj ke diferenco estas inter princo kaj koĉero. Sed vane! Mia avo ribelis, stariĝis sur la kalkanojn. Ne, kaj ne! Mia avino ne sciis, kion fari. Ŝi havis proksiman interkonatecon kun tre fama,

reputacia homo. Vi certe aŭdis pri la grafo de Saint-Germain, pri kiu oni parolas tiom da mirindaĵoj. Vi scias, ke li disfamigis pri si, ke li estas la vaganta judo, ke li eltrovis la akvon de la eterna vivo, la ŝtonon de la saĝuloj, kaj ceterajn. Oni ridis pri li, oni lin rigardis ĉarlatano; Casanova en siaj memorskriboj diras lin spiono. Cetere, Saint-Germain, malgraŭ sia tuta mistereco, estis homo de tre respektinda eksteraĵo, kaj ĝuis ĝeneralan ŝatatecon en la societo. Mia avino eĉ nun ekstreme lin estimas, kaj ŝi tre koleras, se oni parolas pri li senrespekte. Mia avino sciis, ke Saint-Germain disponas pri grandaj sumoj. Ŝi do decidis, ke ŝi turnos sin al li por helpo, kaj skribis al li, ke li vizitu ŝin senprokraste. La maljuna sorĉisto baldaŭ aperis, kaj trovis mian avinon en terure amara humoro. Mia avino pripentris al li per la plej nigraj koloroj la barbaran konduton de la edzo, kaj fine ŝi deklaris, ke sian tutan esperon ŝi fondas sur lian amikecon kaj amon. Saint-Germain ekmeditis.

— Finfine, mi ja povas al vi servi per la bezonata sumo — li diris post mallonga pripensado — sed mi scias, ke vi, ĝis vi repagos ĝin, ne havos eĉ momentan trankvilon, kaj mi ne volas vin impliki en novajn malagrablaĵojn. Ekzistas ankaŭ alia eblaĵo: vi povas regajni vian monon.

— Sed, kara grafo — respondis mia avino — ĝuste pri tio mi parolas, ke ni tute ne havas monon.

— Mono ne estas necesa — diris Saint-Germain — bonvolu min aŭskulti. — Kaj tiam li komunikis al ŝi sekreton, por kiu multe donus ĉiu ajn el ni.

La junaj kartluduloj aŭskultis kun streĉita atento. Tomskij ekbruligis sian pipon, kaj daŭrigis elpuŝadante fumnubetojn:

— Mia avino ankoraŭ en la vespero de tiu sama tago aperis en Versailles, *au jeu de la reine*. La bankon donis la princo de Orléans; mia avino regajnis ĉiun sian perdon, ĝis la lasta groŝo.

— Nura hazardo! — diris iu gasto.

— Fabelo! — rimarkis Hermann.

— Povas esti, ke la kartoj estis signitaj — diris iu tria.

— Tion mi ne kredus! — respondis Tomskij serioze.

— Kiel do? — diris Narumov. Ĉu via avino scias tri sinsekve gajnajn kartojn, kaj vi ankoraŭ ne elprenis el ŝi ŝian kabalon?

— Vi scias, ŝi estas dura kiel diablo! — respondis Tomskij, — ŝi havis kvar filojn; tri el ili, ankaŭ mia patro, estas pasiaj kartluduloj, kaj al neniu el ili ŝi malkaŝis sian sekreton, kvankam tio tute ne estus malagrabla al ili, nek al mi mem. Sed aŭdu, kion rakontis al mi mia onklo, grafo Ivan Iljiĉ, kaj li donis sian honoran vorton, ke tio estas vera fakto. La iam vivinta Ĉaplickij, tiu sama, kiu mortis almozule, fordiboĉis milionojn, kaj foje, en sia junaĝo — laŭ mia memoro ĉe Zoriĉ — li perdis tricent mil rublojn. Mia avino, kiu cetere ĉiam estis tre rigora kontraŭ la facilanimeco de la junuloj, iel ekkompatis tiun Ĉaplickij. Li perfidis al li la sekreton de la tri kartoj, kun tiu instrukcio, ke li metu sinsekve sur tiujn tri kartojn; samtempe ŝi prenis de li lian honoran vorton, ke plu neniam li prenos kartojn en la manon. Ĉaplickij iris al tiu ludpartnero, kiu gajnis lian monon: ili sidiĝis por ludi. Ĉaplickij metis sur la unuan karton kvindek mil rublojn kaj gajnis; li duobligis kaj ankoraŭfoje duobligis — li regajnis ĉion, eĉ akiris kromgajnon . . .

— Sed estas tempo enlitiĝi: estas kvarono antaŭ la sesa.

Efektive, jam krepuskis; la junuloj eltrinkis sian glason kaj hejmeniris.

## II. Capitro.

*— Il parait, que monsieur est decidément pour les suivantes.*
*— Que voulez-vous, madame? Elles sont plus fraiches.*
(Monduma interparolo)

La maljuna grafino*** sidis en sia tualeta ĉambro, antaŭ la spegulo. Tri knabinoj rondiris ĉirkaŭ ŝi. La unu tenis en la mano la ruĝigilon, la dua la skatolon de harpingloj, la tria altan diademon ornamitan per fajroruĝaj rubandoj. La grafino jam neniel povis pretendi, ke oni rigardu bela ŝian delonge velkintan vizaĝon, sed ŝi konservis ĉiujn kutimojn de sia junaĝo, rigore ŝi tenis sin al la modo de la sesdekaj jaroj de l' dekoka jarcento, kaj vestis sin same longe kaj same

## AL LA DEKABRISTOJ EN SIBERIO

### A. S. Puŝkin

En Siberia min' obskura
Toleru kun fiero, fratoj.
Ne vanas viaj suferadoj:
Triumfos la afero pura.

Fratino milda de l' missorto:
L' Esper' firmigu la animojn,
Ĝi pelos for la dubojn, timojn
Kaj ŝanĝos je kuraĝ' kaj forto.

Amika amo kaj konstanto
Penetras tra la kradoj ĉelaj,
Ni ne forgesos nin, fidelaj,
Kaj por vi kantas mia kanto.

Atendas multaj vian savon.
Se l' ĉenoj falos liberiĝe,
Amikoj al vi plej feliĉe
Alportos la malnovan glavon.

## ARION

### A. S. Puŝkin

Ŝipgento bunta al la barko
Suriris, velon suprentrenis,
Jam kelkaj buboj kapte prenis
Remilojn. Ekklininte en arko
La saĝan kapon, staris mute
Ĉe l' direktilo la ŝipestro,
Mi, juna, audaca, kun bardgesto
Kantis... Ekhurlis la tempesto.
Ve, ke mi vidis tiun krute
Falantan, murdan ondorulon!
Sed min, de versoj sekretulon,
Indulgis ĝi... Miraklo granda!
Kantante praan himnosonon
Mi sekigadas la kitonon
Sur la marbordo rokoranda.

## AL GREKINO

### A. S. Puŝkin

Grekin', ne ploru — via amat' heroe falis,
Kiam lin kuglo trafis ĉe la koro.
Ne ploru — vi mem devo kaj leĝo por li faris
Iri la sangan vojon de l' honoro.
Kiam momento peza de l' adiaŭo venis,
Li al vi manetendis, kaj sian filon benis,
Ke de l' heroaj patroj heredu li la bravon.
Cerktolo lia estis la flago de l' libero.
Mirtbranĉoj kaŝis lian Aristogeiton-glavon,
Tiel li sturmis porti al la patrujo savon,
Elsangis li por glora afero.

## LA EĤO

### A. S. Puŝkin

Se ĉieltondro, voĉ' fanfara,
Besthurlo en la dens' arbara,
Sur knabinlipoj kanto klara
Al vi atingas,
Vian respondan vorton, kara,
Tuj vi resvingas.

Se la ĉielon tondro fendas,
Se ŝtormo blekas, rokoj plendas,
Se ŝalmo trilas — vi resendas
Tuj per ripeto.
Respondon vane vi atendas.
Kaj la poeto?

El la rusa: **K. Stelov.**

---

zorgeme, kiel antaŭ sesdek jaroj. Apud la fenestro, klininte sin super sian brodokadron, sidis fraŭlino, ŝia edukfilino.

— Mi kisas vian manon, *grand'maman* — diris oficiro paŝinta en la ĉambron. — *Bonjour, mademoiselle Lise. Grand'maman,* mi venas al vi kun granda peto.

— Nu, kio ĝi estas, Paul?

— Permesu, ke mi prezentu al vi iun mian amikon, kaj ke mi povu lin kunporti vendrede al la balo.

— Kunportu lin nur rekte al la balo, kaj lin prezentu tie. Ĉu vi estis hieraŭ ĉe gesinjoroj***?

— Kompreneble. Tre bone ni amuziĝis. Ni dancis ĝis la kvina. Sed kiel bela estis Jeleckaja!

— Ej do, mia kara! Kio bela estas sur ŝi? Ĉu tia estis ankaŭ ŝia avino, princino Daria Petrovna?... Atendu ja: mi kredas, ke tiu princino Daria Petrovna jam tre maljuniĝis.

— Kio, maljuniĝis? — respondis Tomskij distrite. — Jam antaŭ sep jaroj ŝi mortis.

La fraŭlino sidanta ĉe la fenestro eklevis

sian kapon kaj mansignis al la junulo. Al Tomskij venis en la kapon, ke al la grafino oni devas ne diri la morton de ŝiaj samaĝuloj, kaj li ekmordis sian lipon. Sed la grafino akceptis tiun informon por ŝi novan kun plena indiferento.

— Ŝi mortis! — ŝi diris, — tion mi ne sciis. Kune ni estis korteganinoj, kaj kiam ni prezentis nin, la carino . . .

Kaj la grafino, nun centafoje, rakontis sian anekdoton al sia nepo.

— Nu, Paul — ŝi diris poste — nun helpu al mi stariĝi. Lizanjka, kie estas mia naztabakujo?

Kaj la grafino, kun siaj ĉambristinoj, iris post la ekranon por fini sian vestadon.

Tomskij restis tie kun la fraŭlino.

— Kiu estas, kiun vi volas prezenti? — demandis mallaŭte Lizaveta Ivanovna.

— Narumov. Ĉu vi konas lin?

— Ne. Ĉu soldato aŭ civilulo?

— Soldato.

— Inĝeniera?

— Ne! Kavaliera. El kio vi opiniis, ke inĝeniera?

La fraŭlino ekridetis, sed ne respondis.

— Paul! — kriis la grafino el post la ekrano — sendu al mi ion legindan, ian romanon, sed ne el la plej novaj.

— Kiel mi komprenu tion, *grand'maman*?

— Ion tian, kie la heroo sufokas nek sian patron, nek sian patrinon, kaj en kiu ne troviĝas dronintoj. Mi terure timas la dronintojn.

— Tiajn romanojn oni jam ne verkas nuntempe. Ĉu vi ne ordonas eble rusajn?

— Ĉu do ekzistas rusaj romanoj? . . . sendu tiajn, frateto, sendu, mi vin tre petas.

— Mi kisas la manon, *grand'maman*, mi kuregas. Adiaŭ, Lizaveta Ivanovna! El kio vi opiniis, ke Narumov estas inĝenier-oficiro?

Kaj Tomskij forlasis la tualetan ĉambron.

Lizaveta Ivanovna restis sola: ŝi ĉesis brodi kaj komencis rigardadi tra la fenestro.

Transflanke sur la strato, el post domangulo, subite aperis juna oficiro. La knabino ruĝiĝis: ree ŝi eklaboris kaj klinis la kapon super la brodokadron. Sammomente enpaŝis la grafino, jam tute vestita.

## SOVAĜA PLEZURO

### A. S. Puŝkin

Ne kara al mi la plezur' senbrida,
Sovaĝdiboĉa kaj voluptavida.
Junbakhantinan ardan gluiĝemon,
Ebri-frenezon kaj stertoran ĝemon
Mi ne deziras. Vundas tia amo,
Kaj flagras for tre baldaŭ ĝia flamo.

Centoble pli valoras vi, malvarma
Trezoro! Kia ĝoj' turmente-ĉarma,
Se deziregon mian, kiu pledas
Petege, vi komprenas, kaj vi cedas
Al la sieĝo de l' plezuro lante,
Honteme, ĝin apenaŭ respondante:
Statuo ĉaste-friska de pudoro.
Ĝis fine enflamiĝas via koro,
Kaj nun al mia flagra flamo febre
Transfrapas via flam', neestingeble.

El la rusa: **K. Stelov.**

---

— Kriu, Lizanjka — ŝi diris — ke oni jungu; ni veturos iom.

Lizanjka stariĝis de ĉe sia brodaĵo kaj komencis kunpaki sian manlaboraĵon.

— Nu, kio, panjeto? Ĉu vi surdiĝis, aŭ kio vin trafis? — kriis la grafino. — Kriu, ke oni jungu senprokraste!

— Tuj! — respondis la fraŭlino mallaŭte kaj kuris en la antaŭĉambron.

Eniris lakeo kaj transdonis al la grafino la librojn senditajn de Pavel Aleksandroviĉ.

— Tre bone! Diru al li, ke mi dankas — respondis la grafino. — Kaj vi, Lizanjka! Kien vi kuregas?

— Min vesti.

— Vi havas tempon, panjeto. Sidiĝu tien ĉi. Malfermu la unuan volumon kaj legu tre laŭte . . .

La fraŭlino prenis la libron kaj legis el ĝi kelkajn liniojn.

— Pli laŭte! — diris la grafino — kio al vi, panjeto? Ĉu vi perdis vian voĉon? . . . Atendu . . . ŝovu la skabelon pli proksimen... pli proksimen . . . tiel!

Livaveta Ivanovna laŭtlegis ankoraŭ du paĝojn. La grafino oscedis.

— Eljetu tiun libron! — ŝi diris poste — kia stultaĵo! Resendu ĝin al princo Paul, kaj

# VINTRA VESPERO

**A. S. Puŝkin**

Surĉiele nigras nuboj,
Neĝon tordas ŝtorma vent',
Voĉo hurlas — eble lupoj?
Veas — ĉu infan-lament'?
Pajltegmenton pugno skrapas,
Tondras sur kaduka mur',
Aŭ fenestron kvazaŭ frapas
Mano de landvoj-vagul'.

La mallum' melankolion
Portas kun amara ted'.
Ej, ne tristu, diru ion,
Kara anjo, avinjet'.
Ĉu pro l' vento surde sibla
Vin subpremis korpa lac',
Aŭ ŝpinrada zumo vibra
Lulis vin al dorma pac'?

Pura koro, vartistino,
Amikino dum knabaĝ',
Triston for! Ni trinku! En vino
Venas gaja vivkuraĝ'.
Kantu pri la birdo blua
Kun la mar-eltrinka glut',
Pri l' knabino, kiu en frua
Horo iris al la put'.

Surĉiele nigras nuboj,
Neĝon tordas ŝtorma vent',
Voĉo hurlas — eble lupoj?
Veas — ĉu infan-lament'?
Pura koro, vartistino,
Amikino dum knabaĝ',
Triston for! Ni trinku! En vino
Venas gaja vivkuraĝ'.

El la rusa: **K. Stelov.**

---

oni diru al li, ke mi tre dankas... Sed kie do estas jam tiu kaleŝo?

Estas jungite — respondis Lizaveta Ivanovna, rigardante al la strato.

— Ĉu vi ankoraŭ ne estas vestita? — diris la grafino. — Oni ĉiam devas atendeĝi pro vi. Tio estas vere netolerebla, panjeto.

Liza kuris en sian ĉambron. Apenaŭ pasis du minutoj, la grafino komencis sonorigi per sia tuta forto. Tri ĉambristinoj enkuregis tra unu pordo, unu lakeo tra la alia.

— Ĉu do vane oni kriegas al vi? — diris la grafino. — Diru al Lizaveta Ivanovna, ke mi ŝin atendas...

Liza eniris en antaŭtagmeza kostumo, kun ĉapelo.

— Nu, fine, panjeto! — diris la grafino. — Kiel parade vi vestis vin!... Por kio do?... Kiun vi volas konkeri? Sed kia estas la vetero? Ŝajne, vento blovas.

— Tute ne, ekscelenca moŝto! Tre trankvila vetero estas ekstere, mi petas humile — respondis la lakeo.

— Vi parolas ĉiam laŭ bontrovo! Malfermu do la fenestron! Jen, kompreneble, estas vento, kaj krome, kiel malvarme! Maljungu! Lizanjka, nenien ni iros; ne estis inde vin vesti tiel parade.

— Ho, kia estas mia sorto! — pensis Lizaveta Ivanovna.

Fakte, Lizaveta estis ege malfeliĉa estaĵo. Amara estas la fremda pano, diras Dante, kaj kruta la ŝtuparo de fremda domo, kaj kiu scius pli bone, kiel amara estas la subordileco, se ne malriĉa adopta filino de tiu aristokrata maljunulino? Grafino*** tute ne estis ja malicanima, sed ŝi estis durkapa, obstina, kiel virino dorlotita de la mondo; ŝi estis avara, kaj plej rigore egoisma, kiel ĝenerale tiaj maljunuloj, kiuj tiom kutimiĝis al sia propra mondo, ke en la nuntempo ili sentas sin tute fremde. Ŝi partoprenis en ĉiu tumulto de la granda mondo; ŝi trenis sin en la balojn, kie, kun farbita vizaĝo, vestita laŭ malnova modo, ŝi sidadis en la angulo, kiel terura kaj nemalhavebla ornamaĵo de la balĉambrego. Kun komplimentoj, faritaj kvazaŭ laŭ difinita etiketo, proksimiĝis al ŝi la alvenintaj gastoj, kaj poste neniu okupiĝis pri ŝi. En sia domo ŝi bonvole akceptis la tutan elitan societon de la urbo, rigore gardis la etiketon kaj neniun rekonis laŭ ties vizaĝo. Ŝiaj multaj, multaj geservistoj, kiuj grasiĝis kaj griziĝis en ŝia antaŭĉambro kaj servista ĉambro, povis fari, kion ili volis, kaj senĉese priŝtelis la mortadantam maljunulinon. Lizaveta Iva-

novna estis la doma martirino. Ŝi verŝadis la teon kaj estis riproĉata, ke la sukero elĉerpiĝas tro rapide; ŝi laŭtlegis la romanojn — kaj ŝi estis kulpa pri ĉiu eraro de la aŭtoro; ŝi akompanis la princinon dum ŝiaj promenadoj — kaj ŝi estis responda pri la vetero kaj la strata pavimo. Oni fiksis por ŝi salajron, kiun neniam ŝi ricevis; ĉe tio oni postulis, ke ŝi vestu sin tiel, kiel la ceteraj, tio estas, kiel tre malmultaj. En la mondo li ludis la plej priplorindan rolon. Ĉiu konis ŝin, sed neniu volis ŝin rimarki; en la baloj ŝi dancis nur tiam, kiam mankis *vis à vis;* kaj la sinjorinoj ĉiam brakplektis kun ŝi — se ili devis iri en la tualatejon por ordi ion sur sia vesto. Ŝi estis memkonscia, viglege sentis sian situacion, senpacience atendis la savonton; sed la junuloj, kiel ajn facile ili flirtumas, ĉiam estas kalkulemaj, kaj ne tre atentis pri ŝi, kvankam ŝi estis centoble pli ĉarma, ol tiuj spitaj kaj malvarmaj sinjorinoj, ĉirkaŭ kiuj la kavaliroj rondiris. Kiel ofte ŝi eliris plori, sin elŝtelante el la enuiga kaj ornamita gastoĉambro en sian malriĉetan ĉambron, kies tuta meblaro konsistis el tapetaj ekranoj, tirkestara ŝranko, kombadspegulo kaj farbita lito, kaj kie la sebkandelo malklare palpebrumis en la kandelingo!

Foje — tio okazis du tagojn post tio, kion ni rakontis en la komenco de nia novelo, kaj unu semajnon antaŭ tio, ĉe kio ni ĝuste haltis — Lizaveta Ivanovna, sidante ĉe la fenestro apud sia brodokadro, hazarde elrigardis sur la straton kaj rimarkis junan inĝenier-oficiron, kiu, ne deprenante la okulojn de sur ŝia fenestro, staris senmove en la sama loko. Ŝi klinis la kapon kaj ree eklaboris; post kvin minutoj ŝi denove elrigardis, la juna oficiro ĉiam ankoraŭ staris tie. Ĉar ŝi ne kutimis koketi kun oficiroj surstrate promenantaj, ŝi ne elrigardis plu, sed dum cirkaŭ du horoj ankoraŭ brodis, ne levante sian kapon. Oni pormetis la tagmanĝon. Ŝi stariĝis, komencis ordadi sian manlaboraĵon, kaj kiam hazarde ŝi elrigardis sur la straton, ree ŝi ekvidis la oficiron. Ŝi trovis la aferon stranga. Post la manĝo ŝi iris kun certa maltrankvilo al la fenestro, sed la oficiro jam ne estis tie — kaj baldaŭ ŝi forgesis la tuton.

Du tagojn post tio, ĝuste kiam ŝi enkaleŝiĝis kun la grafino, ree ŝi ekvidis la inĝenier-oficiron.

Li staris tie, ĉe la kaleŝ-alveturejo, kaŝante sian vizaĝon per sia kastorpelta kolumo; sed liaj okuloj kvazaŭ fajreris el sub lia ĉapo. Lizaveta Ivanovna teruriĝis, mem ne sciante kial, kaj ŝi enkaleŝiĝis kun nekomprenebla tremado.

Hejmenveninte, ŝi kuris al la fenestro — la oficiro ree staris tie, en la antaŭa loko, kaj fiksis sian rigardon sur ŝin. Lizaveta Ivanovna foriris de la fenestro trafite de turmenta scivolo kaj de ia sento pulsanta, nova, ankoraŭ nekonata al ŝi.

De tiam ne estis tago, en kiu la junulo ne aperus en certa tempo sub la fenestroj de ilia domo. Ia stranga rilato evoluis inter ili, sen tio ke ili estus iam interparolintaj. Ŝi sidis en sia kutima loko apud sia brodaĵo, eksentis lian proksimiĝon — levis sian kapon, kaj ĉiun tagon lin alrigardis po unu momento pli longe. La junulo, facile rimarkeble, estis danka por tio: la knabino, kun la akra rigardo de la junaĝo, rimarkis, kiel lian vizaĝon trafluas ruĝo ĉiam ĉe renkontiĝo de ilia rigardo. Post unu semajno li ekridetis al la oficiro . . .

Kiam Tomskij petis permeson prezenti sian amikon al la grafino, la koro de la kompatinda knabino ekbategis. Sed kiam ŝi eksciis, ke Narumov estas ne inĝeniera, sed kavaleria oficiro, ŝi bedaŭris, ke per sia senmodesta demando ŝi perfidis sian sekreton al la malkonstanta Tomskij.

La patro de Hermann estis rusiĝinta germano, post kiu restis iom da mona heredo. Car Hermann firme decidis en si, ke inter ĉiaj cirkonstancoj li certigos sian sendependon, li ne tuŝis eĉ la rentumojn, vivis nure el sia salajro, ne permesis al si eĉ la plej etan amuziĝon. Cetere li estis retiriĝinta, ambicia homo, kaj liaj kunuloj nur malofte havis okazon rideti pri lia troa ŝparemo. Kvankam li estis pasia, ardfantazia homo, lia konstanteco lin tenis for de la kutimaj erarpaŝoj de la junularo. Ekzemple, kvankam li estis kartludulo ĝis la fundo de la animo, li neniam prenis kartojn en la manon, ĉar li elkalkulis, ke lia materia situacio al li ne permesas (kiel li mem esprimis): *oferi la nemalhaveblan en*

*la espero, ke li povas akiri superfluan posedaĵon,* — sed malgraŭ tio, tutajn noktojn li sidis ĉe la kartotabloj kaj febre, tremante li akompanis per sia atento la diversajn turnojn de la kartludo.

La historio pri la tri kartoj faris grandan efikon al lia fantazio, kaj dum la tuta nokto ne eliris el lia kapo. „Kiel do estus — li pensis en la vespero de la sekva tago, tienreen vagante sur la stratoj de Peterburgo — kiel do estus, se la maljuna grafino perfidus al mi sian sekreton! se ŝi dirus al mi tiujn tri certe-gajnajn kartojn! Kial ne provi mian ŝancon? . . . Prezenti min al ŝi, akiri ŝian favoron, eĉ eble iĝi ŝia amato; sed ĉio ĉi postulas tempon, kaj la maljunulino jam estas okdeksep-jara; post semajno, post du tagoj ŝi povas morti! . . . Sed — tiu historio!... Ĉu oni povas ĝin kredi? . . . Ne! Kalkulemo, moderemo kaj laboremo — jen miaj certegajnaj kartoj, kiuj triobligos, sepobligos mian kapitalon, kaj kiuj akiros mian trankvilon kaj sendependon!"

El tiuj pensoj li rekonsciiĝis sur iu ĉefstrato de Peterburgo, antaŭ domo de malnova fasono. La strato estis kvazaŭ plenŝtopita per kaleŝoj, unu jungaĵo post la alia ruliĝis al ĝia iluminita ŝtuparejo. El la kaleŝoj jen etendiĝis svelta maleolo de juna belulino, jen knaranta husarboto, jen striita ŝtrumpo, jen agrafa diplomata ŝuo paŝis surteren. Belegaj peltoj kaj balaj pelerinoj pretersusuris la gigantstaturan pordiston. Hermann haltis.

— Al kiu apartenas tiu palaco? — li demandis la policanon starantan ĉe la angulo.

— Al grafino*** — respondis la policano.

Hermann ektremis. Revenis en lian kapon la mirinda historio. Li komencis iradi ĉirkaŭ la palaco kaj dume pensadis pri la sinjorino de la palaco kaj pri ŝiaj miraklaj kapabloj. Malfrue li revenis en sian modestan loĝejeton; longe li ne povis endormiĝi ,kaj kiam fine tamen li ekdormis, kartoj, verda tablo, amasoj da bankbiletoj kaj da ormoneroj aperis antaŭ li. Unu karton post la alia li poentis, decide li fleksadis la angulon de la kartoj, seninterrompe li gajnis, unu post la alia li albalais la ormonerojn kaj enpoŝigis la bankbiletojn. Jam estis malfrue, kiam li vekiĝis; li eksuspiris pro la perdo de sia fabela riĉo, ree li ekvagis la urbon, vagabondis ĉiudirekte, kaj ree trovis sin antaŭ la domo de grafino*** Ŝajnis, ke ia nekonata forto lin tiris tien. Tie li staris iom da tempo kaj komencis esplori la fenestrojn. En unu el ili li ekvidis nigrabuklan kapon, kiu estis klinita, supozeble super libron aŭ manlaboraĵon. La kapo leviĝis. Hermann ekvidis freŝan vizaĝeton kaj nigrajn okulojn; tiu momento decidis pri lia sorto.

## III. Capitro.

*Vous m'écrivez, mon ange, lettres de quattre pages plus vite que je ne puis les lire.* (El korespondo)

Apenaŭ povis demeti Lizaveta Ivanovna sian mantelon kaj ĉapelon, kiam la grafino jam sendis kurieron ŝin venigi, kaj ree ŝi mendis la kaleŝon. Ili malsupreniris sur la ŝtuparo al la kaleŝo. Sammomente, kiam du lakeoj levis la maljunulinon kaj metis ŝin

## MIA MONUMENTO

### A. S. Puŝkin

*Exegi monumentum.*

Jam mia monumento — ne homa skulpto — staras
Ne kreskos herb' sovaĝa sur voj' al ĝia rando.
La pinton ĉiel-boran laŭ alto ne rivalas
Kolon' de caro Aleksandro.

Ne, mi ne mortos tuta. En miaj kant-mesaĝoj
Efikos mi spirite, se l' korpo dispolviĝos,
Kaj brilos mia famo, ĝis sur la terpejzaĝoj
Poet' al kanto sin dediĉos.

La foraj regionoj de l' vasta rusa lando,
La tuta multelingva patrujo pri mi scias,
Fiera slavo, finno, tunguzo, steploĝanto-
Kalmuko ame min mencias.

En koro de l' popolo mi vivos sur la tero,
Ĉar, kio en ĝi nobla, mi tion vekis kante,
Ĉar mi en mornaj tagoj parolis pri l' libero,
Falintojn ŝirmis kompatante.

Do, Muzo, nur la voĉon de via di' atentu,
Nenion aŭdu krome, nek laudan, nek insultan,
Al mokoj surdu, laŭron, aplaudon ne pretendu,
Ignoru riproĉanton stultan.

El la rusa: **K. Stelov.**

en la kaleŝon, Lizaveta Ivanovna ekvidis, tute apud la radoj, sian inĝenieron-adoranton. La oficiro kaptis ŝian manon; Lizaveta eĉ ne rekonsciiĝis el sia teruro, kiam la junulo jam malaperis; la knabino rimarkis, ke letereto restis en ŝia mano. Ŝi enpremis ĝin en sian ganton kaj dum la tuta vojo nek vidis, nek aŭdis. La grafino havis la kutimon meti ĉiusekunde tiajn demandojn: kiu estas, kiu preteriris; kiel oni nomas tiun ponton; kio estas skribita sur tiu firmtabulo? Lizaveta Ivanovna ĉi-okaze respondadis malĝuste kaj blindultrafe, per kio ŝi preskaŭ furiozigis la grafinon.

— Kio al vi okazis, panjeto? Spasmo vin kaptis, aŭ kio? Ĉu vi min ne aŭdas aŭ komprenas?... Dank' al Dio, mi ne havas paroldifekton, mi parolas pure, kaj ankaŭ mia cerbo ne moliĝis.

Lizaveta Ivanovna ne aŭdis ĉi tion. Hejmenveninte, ŝi kuris en sian ĉambron, tiris la letereton el sia ganto; ĝi ne estis sigelita. Ŝi legis ĝin. En la letero estis amkonfeso; afabla, respektoplena, kaj elskribita, vorto post vorto, el germana romano. Sed Lizaveta Ivanovna ne sciis germane, kaj tiamaniere ŝi estis tre kontenta pri ĝi.

Tamen, ŝin ege maltrankviligis la letero. Unuafoje ŝi enlasis sin al sekreta, konfidenca koketado kun junulo. La aŭdaca aplombo de la oficiro ŝin teruris. Ŝi faris al si riproĉojn pro sia nesufiĉe singarda konduto, kaj ne sciis, kion fari? Ĉu ŝi forsidiĝu de la fenestro, kaj per ignoro ŝi forprenu lian emon ŝin plu persekuti? Ĉu ŝi resendu la leteron? Ĉu ŝi respondu malvarme kaj decide? Neniun ŝi havis, kun kiu ŝi povus priparoli la aferon, nek amikojn, nek instruantojn. Ŝi decidis, ke ŝi respondos.

Sidiĝinte apud sia skribotablo, ŝi prenis plumon kaj paperon, kaj cerbumis. Plurfoje ŝi komencis leteron — kaj disŝiris ĝin; ŝi trovis ties esprimojn jen tro afablaj, jen tro kruelaj. Fine ŝi sukcesis koncepti kelkajn liniojn, pri kiuj ŝi kontentis. "Mi estas konvinkita — ŝi skribis — ke vi havas honestajn intencojn, kaj ke vi ne volis min ofendi per via senpripensa paŝo, sed nia konateco ne devus komenciĝi tiamaniere. Mi resendas vian leteron kaj esperas, ke plu mi ne havos kaŭzon plendi pri via nemeritita senrespekteco."

La sekvan tagon Lizeveta Ivanovna, kiam ŝi ekvidis la preterirantan Hermann, stariĝis de apud la brodokadro, transiris al la salono, malfermis fenestreton, elĵetis la leteron sur la straton, esperante ke la juna oficiro ĝin lerte, senrimarke levos. Hermann alkuris, prenis la leteron kaj iris en sukeraĵejon. Rompinte la sigelon, li trovis en la koverto sian leteron kaj la respondon de Lizaveta Ivanovna. Jen kion li atendis; li hejmeniris plene okupita per siaj planoj.

Post tri tagoj, juna, viglarigarda modistino portis leteron al Lizaveta el la modistejo. Lizaveta Ivanova ĝin malfermis ne sen maltrankvilo, ĉar ŝi opiniis, ke oni postulas de ŝi monon, sed tuj ŝi rekonis la skribon de Hermann.

—Vi venis en malĝustan lokon, kara — ŝi, diris al la modistino — tiu ĉi letero estas adresita ne al mi.

— Ho jes, al vi! — respondis la kuraĝa knabino, ne subpremante sian petolan rideton. —Bonvolu ĝin legi!

Lizaveta Ivanovna trakuris rigarde la leteron. Hermann postulis de ŝi rendevuon.

— Neeble! — ŝi diris, teruriĝinte de la neatendita postulo, kaj de la tono, per kiu oni postulis. — Tute certe, adresita ne al mi.

Kaj ŝi dissiris la leteron je malgrandaj pecoj.

— Se la letero ne estas adresita ĉi tien, kial vi bonvolis ĝin disŝiri? — diris la modistino — mi estus ĝin reportinta al la sendinto.

— Rigardu, mia kara — diris Lizaveta Ivanovna ekkoleriĝinte — plu neniam al mi portu leteron. Kaj al la sendinto diru, ke li hontu!

Sed Hermann ne cedis. Lizaveta Ivanovna ĉiutage ricevis de li leteron jen unu- jen aliavoje. La leteroj jam ne estis tradukitaj el la germana. Hermann mem verkis ilin; inspirita de pasio, li parolis per sia speciala lingvaĵo, en kiu esprimiĝis la nefleksebleco de liaj deziroj. Lizaveta Ivanovna plu ne pensis pri tio, ke ŝi resendos la leterojn: ŝi ekvertiĝis de ili, ŝi komencis eĉ respondi — kaj ŝiaj respondoj iĝis pli kaj pli longaj kaj afablaj. Fine ŝi elĵetis tra la fenestro leteron kun la jena enhavo: „Hodiaŭ estos balo ĉe la ***-a amba-

# SONĜO

## JULIO BARĈ-IVAN

Versperiĝas. Kelke da drinkemuloj apud fajrujo kunpremiĝe sidas ĉe vino. La krepusko obtuzigis la forton de la vortoj, nur la vinforto brilas en la okuloj. La brulantaj ŝtipoj mallaŭte interflustras kaj parolas la drinkejmastro. Kun nova vino novaj vortoj pretiĝas al si vojon el la silento.

Apud la fenestro en angulo staras tablo. Christopher Marlowe, komedianto kaj poeto, metis sur ĝin la kapon. La titana kapo trankvile ripozas, la okuloj, kies rigardo kiel neselitaj ĉevaloj sovaĝe kuregis foren, estas kviete fermitaj. Kit Marlowe sonĝas.

— Li havas kapon de reĝo, — flustras la drinkejmastro al la tablogastoj kaj verŝas la perlantan vinon. Kaj levante glason li kaŝrigardas al la sonĝanto kaj stranga rikano ŝanĝas lian mienon. — Li estis belega. Dufoje mi vidis lin en la teatro.

— Kaj ĉu tio estas li? haltigas la drinkejmastron unu el la drinkemuloj.

— Li. Kelke da semajnoj poste la vojaĝintoj el Londono parolis, ke li rompis al si la kruron en la teatro.

— Ĉu li lamas?

— Li estas kriplulo.

Marlowe sonĝas. Li kuras tra floranta herbejo. Li estas denove knabo kaj tenas ĉe la mano knabineton, kiu volas kapti papilion. La papilio forflugis. Kaj ĝi estis belega. 'Ili ĝin postrigardis, ĝis ĝiaj flugiloj kunfluis kun la floroj de la diboĉanta somero. Kaj jen, iu kaptis lin ĉe mano. Li ektremis. Li sciis, kiu tio estas. Li sciis, ke iu terura lin tenas kaj lin ne delasos plu. La knabineto forkuris. Li restis sola kun la malhela, timiga ulo kaj kun la nokto, kiu kovris ilin ambaŭ. La ulo premtenis liajn brakojn ferprenile kaj lia rideto sufokis en li la ekkrion. La ulo elpoŝigis akran tranĉilegon. La knabo sentas, kiel la ulo batpuŝas ĝin en lian karnon. Li vidas, kiel la ulo elprenas lian koron. Li alrigardas sian koron. Kion fari? La tranĉilego en la manoj de terurulo ŝanĝiĝas je martelo. Li metas surteren la koron, ĝin martelas, marteladas tutforte. Kaj tio doloras, ege doloras. „Mia koro", li ploras, „mia koro! Lasu ĝin al mi." La ulo ridas kaj martelas plu. El la koro restis nur peceto da sanganta karno, poste nur nevidebla ereto. Sed la koro estas dura. Vane li ĝin martelas, vane koleras la fantomulo, kio restis el ĝi, estis dura kiel diamanto. Kaj jen la knabo ekridis. Tio ne estis ja rido de infano. Ĝi estis amara, interrompata rido de

---

sadoro. Ankaŭ la grafino estos tie. Ni restos ĝis la dua nokte. Tiam vi povos havi okazon vidi min sola. Post kiam la grafino foriros, ŝiaj homoj certe dispasos kaj en la koridoro restos nur la pordisto, sed ankaŭ tiu kutime entiriĝas en sian ĉambron. Venu je la duono post la dekunua. Rekte ekiru sur la ŝtuparo. Se vi renkontus iun en la antaŭĉambro, demandu tiun, ĉu la grafino estas hejme. Oni diros, ke ne, kaj tiam nenio restas krom retiriĝi. Sed tre verŝajne vi renkontos neniun, la ĉambristinoj, ĉiom kune, sidadas en iu servistinĉambro. El la antaŭĉambro iru maldekstren, poste rekte, kaj vi venos en la dormoĉambron de la grafino. En la dormoĉambro, post la ekrano, vi vidos du pordetojn; kiu estas dekstre, tiu kondukas en la laborĉambron, kien la grafino neniam enpaŝas; la maldekstra kondukas en la koridoron kaj tie estas malvasta helica ŝtuparo: tiu kondukas en mian ĉambron".

*(Finota.)*

El la rusa: **K. Stelov**

Notoj. I. *Grafo Saint Germain* mortis ĉ. 1795. Fama aventuristo, kiu multe rolas en la tiutempa populara literaturo. *Au jeu de la reine:* ĉe la ludo de la reĝino. *Zoriĉ:* favorato de Katerina la dua; li estis fama kartludanto. — II. La traduko de la moto: „Ŝajnas, sinjoro, ke vi preferas la ĉambristinojn." „Kion vi volas, sinjorino? Ili estas pli freŝaj." — III. La traduko de la moto: „Vi skribas kvarpaĝajn leterojn, anĝelo mia, pli rapide ol mi povus ilin legi". (Tiuj motoj, ofte tute sensignifaj, estis tiutempa literatura modo, iniciatita de Walter Scott.)

homo, benita per doloro kaj venkanta super la sufero. Jes, rido de la homo, en kiu oni mortigis la amon kaj la malamo duriĝis je diamanto en lia koro.

— Certe li estas forkurinta antaŭ la pesto, — aldonis la drinkejmastro, ne forturninte de li la okulojn.

— Multaj fuĝas, — aljesis la drinkemuloj. — Kaj miloj mortas.

La ruĝnaza drinkemulo volas ekparoli.

— Mia avino vidas en estontecon, — li diras. — Multe da homoj ŝin vizitas pro profetaĵo. Ankoraŭ en la pasinta jaro ŝi diris ke en jaro 1593 la pesto falĉos en Londono dekmilojn da homoj.

Ili retrinkis. Vigligite de vino ili interparolis brue. Oni parolis pri diversaj aferoj, sed la pensoj el foraj vojaĝoj revenadis al la tablo, ĉe kiu estis dormanta tiu strangulo. Kun tia, neniu el ili renkontiĝis iam el la vivo. Kia ĉifona, mizera li estas, kaj li ne hontas sidi inter ili kaj dormi surtable kiel la plej aĉa drinkemulo. Ĉu tiaj estas ĉiuj komediantoj, kiel tiu ĉi ruĝvizaĝa lama almozulo? Ĉu pro tio kraĉas la honestuloj, kiam oni parolas pri ili?

La drinkejmastro revenis kun nova kvanto da vino.

Tiu ĉi estas ja tia. Kiam li havis monon, li vestis sin kiel lordo. Lia protektanto, grafo el Nottingham, lin foje forpelis el la teatro, ĉar li havis pli multekostan veston ol la grafo. Li estas ja strangulo. Havante monon li disŝutas ĝin. Kaj disŝutinte ĉiom, li malsatas, ĝis kiam iu ekkompatas lin.

— Li do ne estas riĉa, — miris ĉiuj.

Li povus ja esti. Ja li mem verkas ĉion, kion la aktoroj ludadas, kaj por tio li ricevadas multe da mono. Sed li ja estas frenezulo. Eĉ pencon li ne kapablas manteni. Liaj amikoj aledziĝis riĉe, havas domojn kaj vivas kiel homoj honestaj. Ĉi tiun oni elĵetis jam el ĉiu drinkejo londona kaj la stratulinoj pli bone konas lian vizaĝon ol tiun de Elizabeto.

— Li jam vekiĝas, — mirekkriis iu.

— Ne parolu stultaĵon! Li drinkis pli da vino ol ni ĉiuj. Foje oni predikis pri li en ĉiuj preĝejoj de Londono. La pastroj kondamnis lin je infero, kaj li nur ridis. Nenion oni povis fari al li. La Sinjoro lin protektas. Onidire eĉ la reĝino lin ŝatas. Ŝi pli preferas la komediantojn ol la lordojn.

La pordego rapide malfermiĝis. Ĉiuj okuloj turniĝis al la enveninto. La drinkejmastro, ekvidinte livreon de grafo el Nottingham, kun ruza rideto kuris al li renkonte. La nova gasto evitis lin. Li alpaŝis la tablon de la komedianto.

— Kit, — li alparolis lin mallaŭte, dum la ceteraj kun retenita spiro aŭskultis. — Kit . . . Dank' al Dio, ke mi trovis vin!

Kit Marlowe ĉesis sonĝi. La mondo ne estis pli kruela ol la sonĝo. Kaj tamen estis malbone vekiĝi kaj rigardi la vizaĝon de la realo, kiu lin alrigardis el la okuloj de tiu ĉi homo. Archer estas ĉi tie. Li ekblasfemis kaj frotis la okulojn.

— Vinon sur la tablon! Drinkejmastro, ĉu vi dormas?

La drinkejmastro forkuris.

— Hundo, vi flartrovis min!

Archer eksidas. Li rigardas la malĝojbatitan vizaĝon, rigardas tiun ĉi laman diablon, kiun jam de semajnoj li serĉas en la ĉirkaŭaĵo de Londono kun la konvinko, ke li trovos lin en plej aĉa orgio, en freneza elgustumado de ĉiuj ĝuegoj. Kaj jen li estas. En forlasita drinkejo en Deptford. Sola. Ĉu tio estas li?

La Porto-a vino ekbrilis en la glaso. Archer ĝin eltinkis kun rapidemo de soifanto. Duopo da malgajaj okuloj esploris lian vizaĝon.

— Vi ne trinkas, — li volis stulte eviti la okulojn. — Ĉu vi jam havas sufiĉe da ĝi?

La okuloj silentis. Superflua demando. Neniam li ĉesos drinki, neniam freneziĝi.

— Kion vi volas? — pikiĝis en li la okuloj. — Kion vi volas, malpurulo? Kial vi ne lasas min trankvila? Vi alportis kun vi la malbonodoron de tiu putoro Nottingham. Vi, fantomo. Pro kio vi estas ĉi tie, pro kio mi devas rigardi vian vizaĝon? Vi diablo. Ĉu vi volas min reporti en la inferon? Ĉu vi ne sentas, kiom mi vin malamas, kiom mi malamas vin ĉiujn?

La respondo estis frostiga.

— Vi devas reveni. Nia plej moŝta Sinjoro tion volas.

— Por mi li povas mortaĉi same, kiel mi por li. Diru al li, ke vi min ne trovis, ke min prenis aliaj diabloj. Ke mi forflugis kun sorĉistino sur balailo ien foren. Fermu la

# ODO AL LA OKCIDENTA VENTO

**Percy Bysshe Shelley** *(K. Kalocsay)*

Sovaĝa okcidenta vent', vi spiro de aŭtuno,
Foliojn mortajn pelas vi, estante nevidebla,
Kaj kiel kuras de sorĉist' fantomoj, jen, en bruno

Kaj ruĝ' kaj flavo fuĝas for ĉi tiu ftizofebra,
Pestinfektita multa mult'. Ho vento, kies ĉaro
Nun al ilia vintra lit' malluma kaj funebra

Flugilajn semojn portas jam, ke, kiel en tombaro
La korpoj, ili kuŝu en la subo fride, svene,
Ĝis via printemp-fratinet' lazura per fanfaro

La dorman teron vekos, kaj plenigos ĉion bene
(Pelante paŝti gregojn de burĝonoj sub la blu')
Per viva odoro kaj kolor' surmonte, surebene:

Spirito de sovaĝa fort', vi, ĉiemova flu',
Detrua kaj konserva pov', min aŭdu, aŭdu plu!

Vi, kies fluo en la tren', dum la ĉiel' sin tordas,
Kiel foli-falaĵojn, ĵus ŝiritajn el branĉaroj
De la ĉiel' kaj ocean': la lozajn nubojn portas,

Anĝelojn de la pluvo kaj de l' fulmo: sur la klaroj
De via blua ondsupraĵ' aera sin etendas,
Kiel sur kapo de Menad' sovaĝe flirtaj haroj,

Kaj jam eĉ de la horizont', sur kies rando pendas
Malklaro morna, trenas sin ĝis pleja alt' zenita
La bukloj de l' proksima ŝtorm'. Vi plorokante plendas

Funebron pri l' mortanta jar', pri l' jaro enfermita
De l' nokto: vasta sepultej', en kies kript-obskur'
Aglomeriĝas fortoj de vaporo kunpremita,

Ĝis el solida atmosfer', el inter tomba mur',
La nigra pluvo, fajro, hajl' trarompos. Aŭdu nur!

---

okulojn pri mi kaj foriru! Mi ne volas vin vidi, nek vian plej moŝtan Sinjoron. Mi ne volas... Ĉu vi komprenas?

La vizaĝo de Archer severiĝis.

— Drinkejmastro! — li ekvokis. — Diru al tiuj honestaj civitanoj, ke estas jam malfrue, ke ili iru hejmen!

Ne estis bezone refoje peti la civitanojn, ke ili foriru. Ili ekstaris tuj kaj foriris. Eĉ ne rigardis al tiuj du, sin preparantajn al batalado. La pordego fermiĝis post ili. Sole la drinkejmastro aperis ankoraŭ kun tribranĉa kandelabro. Li metis ĝin sur la tablon kaj eliris silente.

Kit Marlowe mallevis la kapon. La alia ne povis vidi, kiel tremas la pasiaj lipoj ekparolonte.

— Hodiaŭ mi estis hejme, Archer. Hejme. En Canterbury.

Archer mirigite apertis la okulojn.

— Ha, vi sonĝis denove pri io. Eble vi vidis vin en la patra kabano, riparanta sinjorinajn ŝuetojn. Ĉu?

— Mi estis denove dekdujara, kiel Kristo, kaj mi denove estis feliĉa, pura, kvazaŭ mi denove komencus la fian vivon, kiu al mi donis nur gloron, favoron, monon kaj satnaŭzon pri drakoj, kia estas vi, Archer...

Archer ridetas.

— Ne ridu. Mia lama kruro reviviĝis kaj mi kuris renkonte al tia belo, per kia nur somero povas kisi la revan animon infanan. Kun mi kuris knabino. Ŝian vizaĝon mi jam ne memoras, eĉ la sonĝo ŝin ne revivigis. Sed ankoraŭ hodiaŭ mi scias, ke ŝin konfuzis la feliĉo, per kiu bolis miaj vortoj kaj brilis mia rideto. Ŝi devis senti, kio ekzistas en mi. Kvazaŭ oni estus liberiginta katenitan aglon kaj ĝi estus flugcelinta al la suno, dispelante la nubojn perflugile, kun malamo kontraŭ la mallumo kaj tero, kontraŭ la homoj sur ĝi vivantaj, kaj kontraŭ tiu tuta komedio, kiun ni ĉiuj stulte ludas, dirante pri ĝi, ke ĝi estas la vivo, Archer.

Ili trinkis. Jam brulas sola kandelo. Archer scias, ke la konfeso longe daŭros.

— Kaj tiam iu kaptis min ĉe la mano. La lorda servisto, la gardanto de liaj kampoj kaj arbaroj. Pri li estis konate, ke li turmentadas la malliberigitojn, kiujn kaptigis lia sinjoro. La knabino forkuris. Ni restis du. En mi ankoraŭ vibris la brilo de julia suno kaj mi kredis, ke li ekkompatos min. Eble mi eĉ ekridetis, kiam li enrigardis miajn okulojn. Li batis min. Vesperiĝe oni min trovis. Kiel pecon da sangmakulita ĉifono oni portis min hejmen.

— Agrabla sonĝo, — ekvoĉis la alia.

Ho vi, per kies puŝo el somera dorm' vekiĝas
La blua Mediterane', kuŝanta en la lulo
De siaj ondoj el kristal', dum ĝiaj sonĝoj riĉas,

En la trankvila Baja golf', apud pumik-insulo,
Je grandaj oldaj turoj kaj palacoj, vibretantaj
En pli intense brila tag' de la ondar-spegulo,

Kaj tute de lazura mosk', lazura flor' girlandaj,
Pli dolĉe, ol ke eblus ĝin pripentri. Vi, titana,
Laŭ kies vojo fendas sin abrupte la Atlantaj

Akvonivelaj fortoj en abismo uragana,
Kaj sube la mar-floroj kaj la ŝlimaj arboj, sur
Kies branĉar' kadukas la foliaro oceana,

Konante vian voĉon, tuj griziĝas de terur'
Kaj tremas kaj nudigas sin. Min aŭdu, aŭdu nur!

Ho, esti morta foliet', ke vi min kun vi trenus,
Ho, esti facilŝveba nub', por flugi kun vi aere,
Ond', kiu eĉ sub via pov' ĝemante, partoprenus

En la impuls' de via fort', eĉ se malpli libere,
Ol vi, ho neregebla! Se mi estus samanima,
Kia en mia knaba aĝ', kaj estus mi, fiere,

Via vaganta kamarad' en la ĉiel' senlima,
Kiam apenaŭ ŝajnis ja nur fantazio vanta
Atingi vin en ĉiel -kur'; ne vokus vin deprima

Petego, kia tiu ĉi, en la mizero granda.
Min kiel ondon, nubon aŭ folion, levu fluge,
Mi falis sur la dornojn de la viv'. Jen mi, sanganta.

La peza ŝarĝ' de l' horoj min katenas, klinas nuke,
Kiu orgojlis, kiel vi, facile kaj senjuge.

— Tio ne estis sonĝo. La sonĝoj estas alispecaj. Ĝi estas rememoro, dolora kaj amara. La sonĝo nur redonis ĝin al mi el la pasinteco en tiu ĉi nebula, stranga tago, kiu pli taŭgas por malbenado ol por rememoro.

Archer sin movetis sur la benko. La lama diablo, sur sorĉa tapiŝo de sia malĝojo, lin portis for al la mondo, en kiu li vivis kaj suferis. Kiel multajn, ankaŭ lin incitis la scivolo, je kio estas bezona tiu sovaĝa vivo, tiu teruriga flamo, en kiu li estis brulanta, je kio la ludado kun dia kaj homa pacienco, tiu maltrankviliga danco de Kit Marlowe, danco mistera kiel mem la dancanto?

— Ĉu mi enuigas vin? Sed tiam komenciĝis la vivo, kiun mi vivas. Io rompiĝis en mi, Archer, ion mi perdis kaj frenezulon naskis la momento, frenezulon kun malamo en la koro. Mi pensis nur pri tio, kiel venĝi, kiel atingi la situacion, kiam mi povos stari super li kun bastono en la mano, kie mi estus pli forta kaj miaj manoj povus lin ŝanĝi je amaso da sanganta karno. Mi volis esti forta. Sole tiu indas vivi, Archer, kiu fortas kaj povas regi la aliajn, turmenti kaj mortigi, kiun ajn li volas. Esti forta kaj ĉiam sen mizerikordo. Kaj ĉiun nur malami.

Archer superfortis la enuon per scivolemo.

— Kaj kio restis el viaj sonĝoj? Ĉu vi alproksimiĝis al ili?

— Se iam iu estos scivola koncerne mian vivon, poste, Archer, kiam mi jam ne ekzistos, li trovos, ke mi vivis sole por ili. Ili kondukis min al la universitato en Cambridge, ili pelis min antaŭen tiel, ke mi superfortu per malamo, kvazaŭ per elingigita glavo, la flatemulojn, kiuj studadis kun mi, vizitadaĉis ĉiujn drinkejojn, iradis de drinkado al drinkado, dum Kit Marlowe sidaĉis en aĉodora kelo de vidvino de honesta burĝo Hall, de vidvino, kiu al la bezonata mono donadis ankaŭ sian kalviĝintan amon.

— Kit!

— Ne miru, mia kara. La ceterajn manĝigis lordoj, mi ne estis favorato de Fortuno. Mi mem devis min helpi. Kaj mi iĝis bakalaŭro. Mi, Christopher Marlowe, la filo de ŝuisto el Canterbury. „

Domaĝe, ke jam tiam la frenezulo havis antaŭ si alian celon. Dio benis min per malbeno, kiel ridinde estas tiel paroli, per malbeno, kiu frakasis la sonĝojn kaj metis realon sur la vojon. Neniam mi iĝos reĝo. Neniam militestro kaj neniam admiralo ... Returne! Tiu vojo estas rezervita por aliuloj. la ŝuista filo ne povas ĝin paŝi. Kaj mi demandis min inter larmoj: Kial vi ploras, frenezulo? Ĉu tio ne estas laŭ la volo de tiu, kiun oni nomas Dio?

Tiam mi komencis febre verki. Rapide pretis la Vipo de Dio. Tamerlano. Nur mi sola sciis, ke Tamerlano estas Kit Marlowe.

Faru, ke, kiel la arbar', mi estu via liro,
Eĉ se mi same estos de folioj miaj nuda.
La pov' de via harmoni' tumulta, per inspiro,

Instigos ja nin ambaŭ por muzik' aŭtun-preluda,
Eĉ triste dolĉa. Estu do, spirito de renverso,
Spirito mia! Estu: mi! ho vi, impete kruda!

Ĉi mortajn pensojn pelu for tra l' tuta universo,
Kiel foliojn velkajn, por akcel' de nasko nova,
Ekskuu kaj disŝutu, sub ensorĉ' de mia verso,

Kiel fajrerojn, cindron el ne-estingiĝi-pova
Fajrujo, miajn vortojn al la tuta homa gento,
Per miaj lipoj estu do profeto-voĉe blova

Trumpet-sonoro al la ter' nevekiĝinta! Vento!
Ce vintra ven', ĉu povas tre postlongi la Printempo?

---

Kaj mi estis ludanta lin tiel, kia mi mem volis esti, feliĉa, kiam miloj da okuloj fiksiĝis al mi kaj mi sentis je fluga momento, ke oni forgesas pri la ludo kaj pensas, ke mi estas reĝo. Ke mi estas forta. Ke mia kolero forbalaos reĝojn kaj popolojn. Ke mi regas la mondon.

Tiel mi vivis, Archer. Sed nur sur la scenejo. Kiam mi estis reveninta hejmen en la grizan malplenon, kiu ridegis al la okuloj de komedianto Marlowe, ne estis alia rifuĝejo ol vino, tiu plej kara kunulo, kun kiu oni tiel facile forgèsadas. Kaj frenezulo Marlowe, por ne havi tempon al pensado — ebriiĝadis.

La alia ektremis. Li perdadis lin de antaŭ la okuloj. Kie lin serĉi? Ĉu en terura abismo, por ke lia vizaĝo sin vidigu en la alto, ĉu en forto de la fulmo, en bruego de la fulmotondro? Kio estas tiu homo? Ĉu li estas frenezulo?

— La tuta Londono rekonis vian grandon. Oni sidigis vin sur la tronon de poetoj, la stratoj eĥis nur per via nomo. Kion vi volis ankoraŭ? Ja vi estis reĝo! Via sukceso pretigis antaŭ vi vojon ŝutkovritan de oro. Feliĉo, kontenteco, bonfarto, tio ĉio estis al vi aldonota.

— Ĉio, kaj nenio. Ĉu vi ne scias, kiel ili proksimas vin? Eĉ ne je unu paŝo. Ĉio, kaj nenio. Tio estas mia stulta tragedio. Ja mi iris plu. Ke mi drinkadis? En senkonscio naskiĝadis novaj pensoj, novaj ludoj. Kaj en ĉiu ludo heroo, kiu per prudento kaj potenco regas la aliajn kiel reĝo. Tiel mi vivis plu. Mi ne nur ludis, mi eĉ vivis. Mia vivo estis la scenejo kaj sur ĝi en miloj da formoj — mi. Mi pensis, ke mi havas ĉion. Kaj jen, en mian vojon venas stultulo kaj sur la scenejo rompas mian kruron. Por ke estu pravaj la pastroj pri mi predikintaj. Por ke ĉiu vidu, ke mi estas mem la diablo.

Poste mi havis jam nenion. Mi ĉesis vivi, Archer. Tio, ke mi estas ĉi tie, estas tia superfluaĵo. Eble el favoro de mia sinjoro mi havos ĉiam rimedojn por drinki, ĝis mi ekzistos. Mi estas 29-jara kaj mi estas jam maljuna kaj tre laca. Eble tio ne estos tiel netolereme longa kiel ĝis nun.

— Eh, — mangestis la alia. — Infanparolo. Pro tio, ke vi ne ludas kaj ne vestas vin parade sur la scenejo? Vi estas poeto, unu el la plej grandaj. Albiono fieris pri vi. Kio estis kompare al vi Ben Johnson, Taylor kaj la ceteraj, kiuj fieras en via malĉeesto? Ili povus esti viaj servistoj. Kaj tamen ili estas hodiaŭ preferataj. Sole pro tio, ke ili laboradis, ke ili ne haltis sur la vojo, dum vi estis revanta, vian havaĵon fordiboĉanta kaj gustumanta vinon en ĉiu drinkejo. Kaj ili gajnis sian lukton, ĉar vi ne estas jam kontraŭulo. Kiu revas, estas morta. Vi estas morta, Kit Marlowe! Oni forigis vin piedfrape el la vojo, kiel fantomon de longe pasintaj tempoj, kiel senvivan korpon, kiel ridindan rememoron. Kaj ili iras kuraĝe antaŭen kun konscio, ke ili neniam plu renkontiĝos batale kun vi. Ĉar vi estas morta, Kit Marlowe! Ne pro tio, ke vi ne povas ludi, sed ke vi jam ne scias, ke vi estas jam nekapabla, ne-kreipova. Kaj krome vi estas tiom malkuraĝa, ke vi ne volas tion rekoni al vi.

La komedianto ridetas. Ili rigardas unu la alian. Ĉu ĝi estas malamo? Ĉu senpova furiozo, doloro, ke ili ne povas salti unu sur la alian? Silenton! Venas trankviliĝo. Ĝi metas sian fridan manon sur la ardan frunton.

— Vi ion volas, Archer! Kio ĝi estas?

— En Londono oni havas novan poeton. Kiam malfermiĝos la teatroj, li estos la sola scenejreĝo. Sed tio vin ne interesas.

La vizaĝo de la alia ŝanĝiĝas, dum Archer bruligas novan kandelon. Ĉu oni sukcesos

bruligi novan vivon eĉ en la koro de Kit Marlowe?

— Shakespeare, — flustras la pala vizaĝo.

— Vi divenis. Li estas la nova reĝo. Grafo el Southampton estas lia favoranto. Ŝajnas, ke li estas la geniulo, kiu skuos la mondon kaj ne Kit Marlowe, la frenezulo kaj drinkemulo.

— Hahaha... — ridas la lama diablo. Sed la rido ne estas konvinka, nek diabla. Li ekstaras.

Liaj paŝoj estas mejlolongaj. Li paŝas super abismoj, ascendas montojn ĉielatingajn. En li mortas sonĝoj, reviviĝas realo. Ridinde li levas la pli kurtan kruron. Kvazaŭ unu el ili estus ternivelo kaj la alia altaĵo. Kien rigardas la okuloj brulantaj per flamo purgatoria? Kaj li haltas denove. Estas stulte levi la kruron, tiun plumbopezan, por ke ĝi estu tia, kiel la alia. Estas stulte batali kontraŭ la koto kaj malpuraĵo, estas stulte levi ilian animon al la nuboj. Stulta estas ĉiu vana lukto, kiam senpovo diras al vi, ke vi pikos en vakuon, stulta estas eĉ vi mem, kiam vi ploras kaj vian vizaĝon devus ornami rideto, jes, stulta, kiam vi volas vivi kaj vi estas jam morta delonge.

— Kaj kion la koro? Via koro, Kit Marlowe? Tiu diamanto de malamo! Cu ĝi jam ne brilas? Kio estas pri vi? Ĉu vi eĉ malami jam ne kapablas? Ĉu ĉiu nur prenos la vian sen doni ion por ĝi?

— Archer, — li alsaltas la tablon. — Mi verkos novan ludon! Archer, aŭskultu! Pri homo, pri tute ordinara homo, pri lama ŝuisteto, kiu akiras potencon, la plej grandan, kian posedis iam homo.

— De kiu? — lin interrompas skeptika demando.

— De kiuj ajn. De la diablo. Jes, de la diablo. Sed kondiĉe, ke li superfortos...

— Ĉu Tamerlanon?

— Ne! Dion!

— Dion?

— Tiun kruelan, senkompatan Dion, kiu donis al li nenion. Ne nur ke li ne donis, sed eĉ forprenis de li ĉion, kion la aliaj havis en la vivo kaj lin priŝteladis pri la plej humilaj sopiroj, sen kiuj oni ne povas vivi. Kaj li subigos al si la mondon. La tutan mondon. Sed tio estas ja malmulte. Li iras plu. Li paŝas al la ĉielo. Sur nuboj, kroĉinte sin al la fulmoj. Ĉiam pli kaj pli alten, ĝis la sepa ĉielo. Ie post anĝeloj kaj arkanĝeloj, ĉe kantado de ties ĥoroj ĝis Dio...

— Kaj atinginte la lokon, li trovos malplenan tronon. Ĉar Dio ne ekzistas. Kaj sur la tronon eksidos li mem!

— Kaj lin aktoros mi. Mi! La lama diablo. Ĉi tien la kruĉon! Drinkejmastro, drinkejmastro...

— Di-nomo en via buŝo?! Vi estus kiel porko kuŝruliĝanta en malpuraĵo sub la tablo, se mi ne estus vin trovinta. Kaj vi parolas pri Dio?

— Pri Li. Al mi Li donis nenion. Li pelis min laŭ mia vojo. Li volis meti en mian koron malamon. Li volis tion, ke mia vivo estu freneza danco inter la altaĵoj kaj abismo. Li, se Li ekzistas! Sed Li ne ekzistas. Ne ekzistas, ĉar se Li estus min sendinta en la vivon, Li estus al mi doninta eĉ kredon je vivo. Pro tio! Vi jam scias! Unu larmo estus min haltiginta sur mia vojo. Unusola larmeto verŝita pro mi. Eĉ tion Li ne donis al mi. Sed kiel Li estus doninta ĝin al mi, kiam Li ne ekzistas?

— Leviĝu kaj ni iros, — la alia leviĝas kaj liaj okuloj ŝutas fulmojn.

— Hoho! Pri tio paroli ankaŭ mi rajtas!

— Ĉu vi ne volas bonmaniere?

— Neniamaniere, mia kara, — kaj ekvoĉas diabla rido. — Mi restos ĉi tie. En Londono

## ROBERT BURNS

### Jeppe Aakjaer

Ĉe riveret' en skota land'
al olda kverk' vi ligis la ĉevalon.
Vi *spiris* kantojn; ĉiu, diamant',
supera la Stjuartan kron-opalon.

Malriĉe lasis morti en mizer'
popolo skota sian filon grandan.
Malfruis tro rekono post sufer',
statuoj donas nun honoron vantan.

Ĉar ĉiam sama la martira sort'!
Vivanta: ŝtonajn batojn kaj obstaklojn.
Sed kiam palas manoj en la mort':
per l'ostoj oni faras jam miraklojn.

El la dana: **Poŭl Thorsen.**

# LA PREĜO DE PIA VILĈJO

## Robert Burns

„Pia Vilĉjo", samtempulo de Burns, estis loka pitoreska karaktero, farisea diakono de la kirko (skota preĝejo); li estis alvokita antaŭ la koncilion en Ayr kaj discipline admonata pro drinkemo kaj maldeco.

Vi, kiu loĝas la eteron,
laŭplaĉe sendas en ĉielon
po unu, po dek en inferon
por Via gloro,
ĉar ĉiu portas pek-sigelon
de l' naska horo,

mi benas, laŭdas Vian forton,
ke milojn puŝis Vi en nokton,
dum jen, mi ĝuas gracan sorton
sub Via gardo,
por brile verŝi Vian vorton
en sankta ardo.

Pro kia indo en la kerno
saviĝis mi kaj mia genro? —
juste punindaj por eterno
pro l' pekaj faroj
de Eva, Adamo kaj la Vermo
pra ses mil jaroj.

Dum mi elfalis la uteron,
Vi povis ĵeti min inferon
ploregi, fendi la orelon
en brulaj lagoj,
kie demonoj la suferon
hurlas sub plagoj!

Kaj jen mi, tamen, favorato,
pruvo pri Via karitato,
kolon' de Via kirk', soldato
sub Via rego,
kiraso, glav' kaj advokato
por Via grego.

Sinjor', Vi scias, ke min premas,
se homoj drinkas kaj blasfemas,
se en dancad' aŭ kant' ekstremas
pleban' aŭ lordo;
sed dank' al Vi mi min fortenas
de l'tuta hordo.

Sed, Dio, mi konfesi devas,
en mi la karn' sin foje levas,
kaj malgraŭvole eĉ elkrevas
gajnema trompo.
En ni ja polv' kaj peko ĉefas
de nask' al tombo.

---

estas pesto. Kaj mi volas vivi. Mi volas vivi por verki mian Konkeranton de Dia trono.

— Vi do ne iros?

— Kio? Ĉu vi eligas ponardon, Archer? Kion vi volas? Kaŝu ĝin! Vi min ne superfortos!

— Mi demandas vin lastafoje!

— Neniam. Kaj portu vin en la inferon. Vi naŭzas min. Vi estas ridinda, stultuleto, eĉ via serioza vizaĝo. Ne timigu kaj portu vin for! Ĉu vi ne aŭdas? For kun tiu malbenita ponardo!

La alia sentas, ke li forte batis lian brakon. Ho, Kristo! La ponardo pikiĝis en lian okulon! Kiel ĝi okazis, kiel ĝi okazis ... La diablo baraktas sur la planko kaj de lia kriego tremas la muroj. La drinkejmastro estas jam alkurinta kaj lia kriado per terura disonanco kunfluas kiel la muroj, fenestroj, lumo, tabloj kaj mallumo, mallumo, mallumo antaŭ la okuloj. Kion fari, pro Dio, kiel silentigi tiun kriegon, kiel ŝtopi la orelojn, kiel rigardi tiun deformitan vizaĝon? Ho, ĉu ne estus pli bone turni la ponardon kontraŭ sin mem!? Tiun ponardon en torento da rabiaj vortoj kaj blasfemado, liberiĝi kaj ne vidi la estingiĝintan okulon kiu neniam plu malfermiĝos, ne vidi tiun homon, faligitan de du malbenoj.

La kriego silentiĝis. La drinkejmastro sin klinis al li. Poste oni levas lin por povi lin kuŝigi sur la tablon.

— Ĝi eniĝis profunde, — diras la drinkejmastro. — Ĝis la cerbo. Li ne plu vivos. Kiom aĝa li estis?

— Dudeknaŭjara — Kaj la kriego daŭras plu.

Nun montriĝas al li la tragiko de la granda, stranga vivo. Ĉi tie falas mondo, tuta mondo.

Vi scias, Di' ! — indulgu bone —
kun Manjo mi hieraŭ — ho ne
elvergu tial min drakone!
Vi mem kontrolos:
neniam plu mi disbutone
kun ŝi petolos!

Kaj plue, mi konfesas pente,
kun Liza, eĉ, mi malprudente
tri fojojn... Vino logis tente.
Se ne-ebria,
ne pekus kun ŝi insolente
servanto Via.

Ĉi dorno eble Viapermese
pikas en mia karn' senĉese,
por ke mi ne fieru eksceese,
ke Vi min benas.
Se jes, mi portas ĝin necese,
ĝis Vi forprenas.

Al ni do pluvu Via graco,
ni, via elektita raso;
sed ĉiujn batu kun frakaso,
ho, damn' al ili ! —
volantaj nin per embaraso
kaj hont' profili!

Sinjor', Gaŭenon punu certe!
Li drinkas, sakras, ludas karte,
sed tamen ĉarmas tiel arte
kun sorĉa drasto,
ke l' korojn li forlogas lerte
eĉ de la pastro!

Kaj la klaklanga Aiken, Dio!
denuncis min ĉe l' koncilio,
kaj treme, ŝvite mi pro tio
pisis panike.
Ho, lin kun lia koterio
punu efike!

Sinjor', en Via venĝotago,
trafu ilin per fulma hako;
forĵetu mildon Via brako,
l' oreloj surdu!
Por ni, la greg' sub Via flago,
disbate murdu!

Sed min kaj miajn plu memoru,
per grac' kaj havo nin favoru,
ke mi per mon' kaj beno floru
triumfe tamen,
la tuta glor' al Vi sonoru
eterne, amen!

El la skota: **R. Rossetti.**

---

La mondo fermita en la cerbo de Kit Marlowe, la mondo, kiu vivis nur kun li. Homoj, reĝoj, kaj almozuloj, stratulinoj kaj anĝeloj, kasteloj kaj urboj, dezertoj kaj ravaj insuloj, ĉio, kio vivis en tiu kapo senokula... Ho...

— Archer, — li subite alaŭskultas en silento. — Ree min venkis la potenco. Sed mi ridetos. Kaj malamos... Vin kaj ĉion, kio venos.

— Kit! — Larmoj superverŝis liajn okulojn. — Pardonu!

Kaj jen, la okulo mirige malfermiĝis. En ĝi jubilas la beleco de plenumiĝinta sopiro.

— Ĉu vi parolas? Ĉu vi larmas pro mi?

La okulo fermiĝis. La lukto plu daŭris. Tiuj du ŝtoniĝis, nur iliaj koroj frapas kaj tremas la lipoj. Sed ili ne kapablas ekparoli. Kaj ili ne povas ŝin deturni de la fantomanta batalanto, malvenkinta sian lastan batalon.

Sed ĉio estas vana. Kirurgoj estas en Londono. Kaj ne estas helpo.

— Archer, — li flustras. — Iu venas renkonte al mi. Li portas, portas koron sur la manplato. Mian koron. Mian tutan koron.

La stertoro estas agonia. Kaj la vortoj tamen hele lumas.

— Mi pardonas vin, Archer! Mi pardonas.

La kandelo estingiĝis. Luno prilumis kvietan vizaĝon.

Kit Marlow, la poeto kaj reĝo, songas.

El la slovaka: **J. V. Dolinsky.**

**Noto de la tradukinto.** *Julio Barč-Ivan*, estinta evangeliana pastoro, estas unu el la plej talentaj verkistoj slovakaj. Li akiris ŝatou ĉe la publiko precipe per siaj teatraĵoj. Lia amo estas la teatro, kaj la drama elemento, elemento tragedia, rolas preskaŭ en ĉiuj liaj verkoj ĉu beletraj ĉu dramaj.

# La origina historio de Hamleto (Amled)

## Kompilita el la dana de Poul Thorsen

La fama tragedio pri Hamleto impresis milionojn da homoj tra multaj generacioj. Origine la rakonto troviĝas en la unika verko *Gesta Danorum* (Agoj de l' danoj), verkita de la dana historiisto *Saxo Grammaticus*, kiu mortis ĉ. 1200 p. Kr.

Kredeble *Ŝekspir* ne konis tiun ĉi verkon, sed trovis varianton de la legendo pri Hamleto en la franca *Cent Histoires Tragiques* de *Belleforest*, publikita 1570.

1570—80 la aktora trupo de Ŝekspir ludis antaŭ la dana reĝo Frederiko la Dua en la kastelo Kronborg ĉe Elsinoro. Laŭ pli malpli fidindaj reportoj de tiuj ĉi aktoroj Ŝekspir formis la kadron de sia plej fama tragedio pri la dana princo. Tial ĝi (false!) okazas en Elsinoro, kvankam Hamleto ja vivis en Jutlando. Tial la scenejo estas mezepoka kastelo kaj ne primitiva reĝa barakaro. Tial ĉirkaŭas la kastelon rokoj kaj riveroj, fenomenoj tute nekonataj ĉe Elsinoro. Tial la kostumoj de l' tragedio (eĉ hodiaŭ!) estas tiuj de la tempo de Frederiko la Dua kaj ne de Hamleto, eble mil jarojn pli frua. Tial oni eĉ montras nuntempe en Elsinoro la „tombon de Hamleto", kvankam ĝi, se ĝi troviĝas, nur povas ekzisti en Jutlando.

Sed por lasi al la legantoj mem okazon konkludi kaj kompari, eble eĉ ĝui, jen la vera rakonto pri princo Hamleto, kiel ĝin raportas Saxo Grammaticus:

— La brava jutlanda reĝo *Orvendel* estis murdita de sia frato *Fenge* pro envio. Tuj poste Fenge edzinigis la vidvinon de Orvendel, *Gerud*, kaj tiel aldonis adulton al la fratmurdo.

*Amled*, filo de Orvendel, tiam decidis konduti kiel frenezulo, ke la onklo ne suspektu lin danĝera. Tagon post tago li sidadis polva kaj malpura, plene apatia, ĉe fajrejo de sia patrino, aŭ simple sin jetis planken en plej aĉan rubon kaj sterkon.

Kelkfoje li kutimis sidi ĉe la fajro palpante inter la fajreroj per siaj fingroj. Li tiam kurbigis branĉojn kiel hokojn kaj hardigis ilin en la flamoj. Li formis la pintojn kun kontraŭhoketoj, por ke ili estu pli bone fikseblaj. La hokbranĉojn li zorge arigis kaj kaŝis. Al la demando, kion li faras, li respondis, ke li faras lancpintojn por venĝi sian patron, rimarko, kiu ne malmulte amuzis la ĉeestantojn.

Kelkaj korteganoj tamen opiniis, ke li nur ŝajnigas sin mense malsana, kaj elkovis planon senmaskigi lin. Oni kondukos belan junulinon al li en solo, ke ŝi tentu lin por amoro. La denaska vira avido brakumi inon tiam certe montriĝos tiom forta, ili diris, ke ĝi ne estos bridebla. Tial, se li nur *ŝajnigas* apation, li certe tuj kaptos la okazon kontentigi siajn normalajn inklinojn.

Oni do petis al Amled surĉevaliĝi por bela ekskurso. Sed tuj li lokis sin dorse al la kapo de l' ĉevalo kaj vizaĝe al ĝia vosto. La kondukilon li metis ĉirkaŭ la voston, kvazaŭ li tiel direktus la kuregon de la besto. Kompreneble li vekis ridegon tiamaniere forgalopante kroĉfikse al la vosto.

En la arbaro Amled ekvidis lupon, kaj kiam la korteganoj ŝercis, ke ĝi estas juna ĉevalino, Amled aldonis, ke tiaj estas malofte aj en la kavalerio de Fenge, lia onklo. Tiel li mokis pri ties konata malkuraĝo.

Poste ili venis al la strando, kie la akompanantoj trovis direktilon de rompita ŝipo. Ili diris, ke jen ili trovas ja atentindan tranĉilegon, kaj Amled respondis: „Vere, ĝi taŭgas por tranĉi la plej grandan ŝinkon." Per tiu ĉi frenezaĵo li kompreneble celis la maron.

Ili ankaŭ preterpasis la dunojn kaj tie klopodis kredigi lin, ke la sablo estas faruno. Li respondis, ke se tiel, ĝi estas bone muelita en la ŝaŭmanta muelilo de l 'ondoj.

Nun ili lasis lin sola, ke li pli facile kaptu la okazon kontentigi sian volupton, ĉar la ino, kiun lia onklo lognutraĵe destinis por li, aperis kvazaŭ okaze el plaĉe kaŝita kabano. Amled verdire estus ĝuinta sian virton, se unu el liaj akompanantoj, adoptofrato de li, ne estus decidinta averti lin, ke li ne enkaptiliĝu. Tiu adoptofrato multe cerbumis, kiel plej sekrete malhelpi la danĝeran inklinon de la junulo, kaj ĉar ĝuste ojstro preterflugis, li kaptis ĝin kaj zorge fiksis pajleton sur ĝia postaĵo. Poste li pelis ĝin direkte al la supozata restejo de Amled, kaj tiamaniere li grande servis al la senpripensa junulo.

La averto nome estis perceptita same ruze, kiel donita. Kiam Amled ekvidis la ojstron kaj ĝin esplorinte konstatis la pajleron sur ĝia postaĵo, li tuj komprenis, ke temas pri

sekreta aludo al perfideblo (ŝtelinto de greno sur la kampo ja ofte estas perfidita per pajleroj sur laj vestoj). Tuj li ektimis, kaj por pli sekure atingi la plenumon de sia deziro, li forportis la virinon sur siaj brakoj zorgan distancon al netrapasebla marĉo. Tie li kuŝis ĉe ŝi petante, plej insiste, ke ŝi nenion malkaŝu poste. La knabino same fervore promesis silenton kiel Amled ĝin petegis. Ili ja konis unu la alian ekde la infanaĝo.

La korteganoj nun akompanis Amledon hejmen. Ŝerce ili demandis, ĉu li sukcesis bridi sian inklinon? Li tiam komunikis, ke li ĝuis la virton de la virgulino. Plue ili demandis, kie li amludis tiom bone, kaj kio servis kiel geedziĝa tojajo? Li respondis, ke ili kuŝis sur tusilagoj („ĉevalhufoj"), amarantoj („kokaj krestoj") kaj fragmitoj („tegmentokanoj"), diroj, kiuj multe amuzis la aŭskultantojn. — Poste ili demandis same al la knabino, sed ŝi asertis, ke li neniel agis tiel, kaj ŝin oni kredis, tiom pli, ĉar neniu ja reale sciis, kio okazis.

Kiam la junulo, kiu avertis Amled-on, aludis, de *li* faris la amiko-servon, Amled tuj respondis ruze, ke la helpinto komprenu lian aprecon: „Vere, mi ja subite eltrovis, ke io preterflugis kun pajla ventumajo en la postaĵo," rimarko, kiu ridesplodigis ĉiujn, speciale la adoptofraton de Amled.

Ĉar tiel ĉiuj klopodoj senvualigi la ŝajnigon de Amled fiaskis, amiko de Fange proponis sagace, ke Amled estu lasata sola kun sia patrino en kabineto. La proponinto mem sin kaŝis en angulo por zorge subaŭskulti ilian interparoladon. Se Amled estas mense sana, li sendube sincere parolos kaj konfesos ĉion antaŭ sia patrino. Fenge tuj akceptis la insidon kaj foriris pretekste, ke li faros longan vojaĝon.

La kortegano nun embuskis sub pajlaro sur la planko de la nomita ĉambro. Tamen Amled ne lasis sin trompi: timante ke subaŭskultanto ĉeestas, li tuj ekaplikis sian arlekenan konduton: kokerikis kiel koko, kirlsvingis la brakojn kiel flugilojn, saltis sur la pajlaron kaj dance ĵetis ĝin tien kaj reen por eltrovi, ĉu iu sin kaŝas tie. Sentante firmajon sub siaj piedoj, li traboris la lokon, bone trafis la spionon kaj mortigis lin. La kadavron

## EPIGRAFO PRI LA KAŬZO DE LA MALFELIĈO

### Stéphane Georges de Bouhelier

Vi plendas pri la vivo; ĝi tamen, ĉarmojn havas,
Kiujn ekkoni belas.
Sajnas al vi, ke ili guston de larmoj havas;
Tio nur vin rivelas.

Pluvo, falinte puton, en kiu sabl' amasas,
Alprenas sabl-odoron.
Tiel per zorgo ŝarĝas sin ĉio, kio pasas
Vian mizeran koron.

Vi kredas, ke la tagoj sin trenas aĉaj, sombraj,
Neniam ili brilas:
Sed el vi mem vi pruntas tiujn kolorojn ombrajn,
Ili pro vi sterilas.

En via kor' malgaja plezuroj la kaskadaj
Nur palan triston vekas,
Kiel objekto, kiu dronis en ondoj glataj
Kaj sin per salo tegas.

Forĵetu ĉi tragikan langvoron, kiu mordas
Vin, via devoranto:
Feliĉ' vin trafos, kian la univers' alportas
Al sia adoranto.

El la franca: **L. Tárkony**

---

li dishakis, varmigis akvon, kuiris ĝin kaj poste ĵetis ĝin en la stratan defluejon kiel manĝaĵon por la porkoj.

Tiel li igis la perfidon plena fiasko kaj revenis al la reĝina kabineto. Sed kiam lia patrino laŭte vekriis kaj lamentis pro lia marasmo, Amled ekkriis:

„Kiel vi kuraĝas, hontindulino, vortigi falsajn plendojn, kiuj nur estas pretekstaĉo pro via propra terura krimo? Volupta kiel publikulino vi konsentis malican kaj abomenan geedziĝon. Adulte vi brakumas la murdinton de via edzo, senhonte vi kisas kaj karesas la ulaĉon, kiu mortbatis la patron de via filo'. Vi agas kiel ĉevalino, kiu aliĝas al tiu virĉevalo, kiu venkas. Nur neparolpovaj bestoj pariĝas grege, tamen tiafare vi estingis la memoron pri via edzo. Ne senkaŭze mi kondutas stultule. Mi ja ne dubas, ke li, kiu senvivigis sian fraton, same kruele agos al ties familio. Tial por mi pli bone konduti idiote ol mal-

kaŝi saĝon. Konstante tamen mi avidas venĝon pro mia patro. Mi nur hezitas ĝis oportuna momento. Sed pli bone ol vekrii pro mia frenezo estus malĝoji pro via propra honto. Vere vi havas kaŭzon plori, tamen ne pro aliaj, sed pro putriĝo de via propra animo. Bone atentu, ke vi silentun pri mi!"

Per tia mokado li skurĝis sian patrinon, revokis ŝin al vojo de virto kaj persvadis ŝin preferi fidelon al sia unua amo ol al la volupto de la momento.

Kiam Fenge revenis, nenie li trovis la ruzan subaŭskultinton spite al longa kaj persista serĉado. Finfine oni ankaŭ ŝerce demandis al Amled, ĉu li ne vidis postsignon? Tiam Amled respondis, ke eble la malaperinto eniris la lavejon kaj tie forfluis tra la truo, kie la koto lin sufokis, aŭ la porkoj lin manĝis. Tiu diro, kvankam nuda vero, tamen ŝajnis al la demandintoj tiom idiota, ke ili brue gajadis pro ĝi.

Sed ĉar Fenge suspektis sian edzin-filinon, li decidis forigi lin. Pro sia edzino kaj ties familio li tamen ne kuraĝis mem entrepreni la likvidon kaj volis por kaŝi propran kruelon sendi Amled-on al la reĝo de Bretlando (t. e. Kimrio), ke ĉi tiu ekstermu lin. Tiel Fenge preferis treni la nomon de amiko tra la koto ol mem preni sur sin la honton.

Kiam Amled foriris, li petis la patrinon drapiri post unu jaro la murojn de la halo per teksitaj tapiŝoj kaj aranĝi falsan enterigan festenon. Li promesis mem reveni je tiu tempo.

Du el la gvardianoj de Fenge akompanis lin kunportante bastonon kun ĉizitaj runoj (tiel aspektis tiam la leteroj), kiuj ordonis al la reĝo de Bretlando senvivigi la junulon. Sed kiam la aliaj dormis, Amled traserĉis iliajn kaŝejojn, trovis la leteron, legis ĝian enhavon, forskrapis la runojn kaj ĉizis aliajn sur ilia loko. Ruze li tiamaniere transigis la mortordonon al siaj akompanantoj. Li eĉ aldonis en la nomo de Fenge peton al la reĝo, ke li donu al la lerta junulo, kiun li sendas, sian filinon por edzino.

Kiam ili venis al Bretlando, la senditoj transdonis al la reĝo la leteron, kiu ja enhavis ilian propran mortverdikton, kaj post diversaj komplikaĵoj la reĝo donis sian filinon al Amled. Venontan tagon li pendigis la du gvardianojn por favori al sia amiko Fenge. Sed tiun ĉi servon Amled akceptis kiel grandan maljustaĵon kontraŭ si, kaj li ŝajnigis egan eksciton. La reĝo tial donis al li oron kiel pentopagon. Amled fandis la oron kaj sekrete ĝin verŝis en du kavitajn bastonojn.

Unu jaron Amled restis en Bretlando. Tiam li petis forpermeson kaj ekiris hejmen. El la riĉaj trezoroj de la reĝo li nur kunprenis la

## RABISTO-DORMO

**William Auld**

Ha dormo, kiu al mi rabas
minutojn de la viv',
sur mia koramboso frapas
martelo de malammotiv':
ĉar miaj tagoj estas jam mallongaj
sen ankaŭ tio,
ke vi min lasas sen konscio,
al porka stagno, al stuporoj ronkaj.

Mi volas koni
ĉiun momenton de eterno!
Mi volas spioni
plej etan spasmon de la homovermo,
penetri en komprenon ĝis la fund'
kaj legi de l' epokoj ĉiun paĝon —
ne perdi mian junulaĝon
marasme, kvazaŭ apudfajra hund'.

Esti poet': en mi sopiro ardas:
mi volas krei, ja generi belon!
Sed ve! mi nur rigardas,
ne vidas; ne traboras ŝelon
ĝis la kerno.
Mi scias, ke por poetiĝi
mi devas min dediĉi
al vivopleno da senfina lerno.

Tial, ho dorm' kruela, mi domaĝas
vian neforskueblan jugon.
Vin nur devige mi omaĝas,
klinas la nukon,
ĉar plonĝas mia kap' al la kuseno
kaj miaj okuloj krevas.
Valorajn horojn mi nevole devas
pasigi en senfrukta sveno.

# POEZIO

## W. Broniewski

Maja nokto jasmene ŝutita,
Blanka nokto vi ŝajnas serene,
Lunarĝente en songoj vizitas,
Viaj vortoj odoras jasmene.

Vi traflosas sendorman aeron
— Tiel branĉoj tra nokto susuras —
Vi vortverŝe la songojn, misteron,
Kiel pluvo purlava murmuras.

Ne sufiĉas! Malmultas ĉi cio!
Viaj vortoj — mensoga nebulo.
Dotu bruston per spir' de pasio,
Per flugiloj kaj vento-stimulo!

Ne sufiĉas la vort' de kvieto.
Vana vorto. Kaj blaga. Malvarma.
Vi ja devas tamburi impeton!
Venki vorte! Batkanta! Himn-arma!

Ja ekzistas la vivoj kutimaj,
Kaj ekzistas la vivo lum-hela,
Sonu vortoj eterna-esprimaj,
Venu kun ni en lukto ribela.

Ne necesas jam gard' Vestalina,
Fajron sanktan ne premos nokt-morno,
Estu kiel standard' batalfina,
Kiel torĉo flagranta en ŝtormo.

Sanĝu vortojn por ni del' esprimo,
Nin instruu pri kant' plej flagranta;
Pli da gaj' kaj doloro sen limo!
Plue gvidu nin amo la granda.

Se por kanto vi harpon deziras,
Ke ĉi harpo malbenojn tondradu,
Vi tendenojn por kordoj akiru,
Ilin streĉu, potence ekbatu!

Ni bezonas kantbati ĝis morto,
Por surdigo de siblo serpenta.
Estas ie, krom versoj, bel-sorto.
Estas amo. Kaj estos ĝi venka.

Tiam donu al ni, poezio,
Vortojn simplajn, kviete-meditajn,
Kaj mortintojn disblovu por ĉiam,
Kiel flagojn en ŝtormo ŝiritajn.

El la pola: **E. Miĥalski.**

---

du bastonetojn kun la oro. Tuj ĉe la surteriĝo en Jutlando li forlasis sian prudenton kaj reprenis la malnovajn burleskajojn.

Malpuraĉa pro koto li eniris la festenhalon, kie oni jus ekdrinkis je lia solena memorigo, ĉar falsa onidiro anoncis lian morton. Ĉiuj larĝe gapis, sed iom post iom tamen la timo transiĝis al ridado. Oni mokis unu la alian, ĉar la viro, kies morton oni solenas, subite staras tutviva inter ili. Nun ili demandis pri liaj akompanintoj, kaj Amled montris al ili la bastonojn dirante: „Jen ambaŭ enestas," rimarko same sprita kiel vera, ĉar la ora pentopago ja reprezentis la pendigitojn.

Poste Amled ekiris de tablo al tablo kune kun la verŝistoj. Vigle li tostis al ĉiuj por abundigi la gajon de l' festeno. Por ne esti malhelpata de siaj vestoj, li fiksis la baskojn al la koksoj sub la glavrimenon. Ofte li elingigis la glavon kaj prove vundetis siajn fingropintojn, ĝis kelkaj gastoj fiksis la klingon en la ingo per najlo tra ambaŭ. Diligente Amled plenigadis la kruĉojn, ĝis la viroj iĝis tiom pezkapaj kaj konfuzaj, ke ili apenaŭ kapablis stari, sed ŝanceliĝis tra la halo ĝis ekdormo sur la planko.

Intertempe Amled en siaj baskoj kolektis la jam delonge pretigitajn hoketojn. Li distranĉis la ŝnurojn, kiuj tenis la drapirajojn sur la muroj, lokis ilin super la dormantoj, bone fiksante per la hoketoj, tiel arte kaj nemalfermeble, ke neniu kapablus levi sin, kiel ajn forte ili baraktus. Poste li ekbruligis la tutan domon. La flamoj lekegis tien kaj reen kaj tute ĉirkaŭis la halon. Ĝi plene cindriĝis, kaj ĉiuj estis mortbruligataj, ĉu dum profunda senkonscio, ĉu dum vanaj penoj leviĝi.

# LUPOJ

## SÁNDOR GERGELY

La lupino estis malsata. Frumatene ŝi rampis el sia kaverno kaj ĉirkaŭrigardis. Iom malproksime, ĉe la rivero ŝi haltis kaj orelumis. Dum longa tempo ŝi restis tie, poste ŝi turnis sin kaj rekuris. Ŝi haltis sur elstara, brakdika radiko kaj atendis preta al salto. Ŝi malfermegis sian buŝon kaj tremis ŝiaj nazloboj.

La arbaro estis silenta. Sur la senfoliara arbaro ruĝe brilis la mateno kaj la arboj haladzis etajn vapornubojn pro la kiso de la vekiĝanta suno.

La nuna vintro estis malvarmega. La homoj ĵetis sin en la arbaron, ili esplorvagadis en la densaĵo, faris fajron, longe bivakis en unu loko kaj manĝis la bestojn de la arbaro. La malgrandaj sovaĝbestoj estis ekstermitaj, la nutrajo elĉerpiĝis kaj la lupino kun tintantaj ripoj, faris grandajn rondkurojn ĉirkaŭ sia kaverno dum noktoj. Nun jam ankaŭ dumtage ŝin pelis el sia kaverno la malsato kaj la ido mordanta ŝiajn malsekajn mamojn. Nokte ŝi revenis sen ĉasajo kaj pli frue ol kutime. Ŝin timigis suspektindaj odoroj kaj voĉoj. La lupino estus trabatinta sin tra ĉi tiu maldensa ringo, sed ŝi restis en la apudrivera kaverno, ĉar ŝi timis pri sia ido. Matene ŝi denove ekiris, sed nun en la maldensejo jam tute proksime ŝi aŭdis tiun strangan, ne-bestan bruon.

Ŝi estis sperta lupino. Multfoje ŝi jam vidis la homojn, kiel senkompatajn persekutantojn. Ili galopis post ŝin sur henantaj ĉevaloj, kaj hurlantaj hundoj kuregis al ŝi. Se ŝi estis kune kun aliaj lupoj, tiam ŝi ekbatalis kontraŭ la hundoj. Eĉ kontraŭ la homoj, kiam ŝi sentis, ke en la proksimo estas luparo! Sed nun ŝi jam vivis solecan vivon. Ankoraŭ fine de la vintro ŝi serĉis trankvilan neston por si kaj por la naskota ido. Tiel ŝi vagadis dum longe longaj tempoj, havante abundon da nutro. De nordo al sudo, tra montoj, arbaroj, trans glaciiĝintajn riveretojn. Kaj kiam alvenis la printempo, ŝi trovis sian kavernon. Ŝi jam vivis en duopo. Ŝi nutris sian idon kaj evitis la homojn, iliajn kaptilojn, farmojn. Sed ĉirkaŭ ŝia nesto baldaŭ konsumiĝis ĉiu

---

Sed Amled jam kuris al la ĉambro de Fenge. Li kaptis lian glavon, kiu pendis ĉe lia lito kaj lokis sin propran klingon sur ĝia loko. Tiam li vekis sian onklon per la komuniko, ke liaj gvardianoj mortbruliĝas, ĉar Amled artifikas per siaj malnovaj hokoj por venĝi la murdon al sia patro. Aŭdante tion Fenge saltleviĝis. Sed li ne trovis sian propran glavon kaj pereis dum vanaj klopodoj elingigi tiun de Amled.

Pli poste Amled oratoris al la popolo. Li diris, ke sola li volis venĝi sian patron kaj savi la patrolandon, ĉar li ne volis endanĝerigi la senkulpan popolon petante ties subtenon. Tial li kaŝis sian saĝon, ludis frenezulon. Li proponis, ke komune oni neniigu per fajro la kadavron de Fenge kaj disĵetu la cindron, ke la tera sino de l' patrio estu libera kaŝi fratmurdiston, kiu uzurpis la povon kaj rabis la liberon.

Per sia parolado la junulo kortuŝis ĉiujn. Unuanime oni elektis lin reĝo. Poste li reiris al sia edzino en Bretlando kun pompa akompanantaro. Multajn aventurojn li ankoraŭ travivis, i. a. en Skotlando, kie li gajnis duan edzinon, la ĉarman, pasian reĝinon *Ermutrud*. Sed la reĝo de Bretlando celis revenĝon pro malnova promeso al sia amiko Fenge. Tamen Amled fiaskigis lian planon kaj mortigis lin en granda batalo, kie helpis lin la skotoj.

Kiam Amled aŭdis, ke alia dana reĝo, *Viglek*, oponas al li dum foresto, li revenis por puni lin. Sed la decida batalo kruele postulis la vivon de Amled. Lia tombaltaĵo troviĝas sur jutlanda erikejo, kiu ankoraŭ portas lian nomon.

nutraĵo kaj la lupino nun jam nutris sin kaj sian idon per kadavroj elfositaj.

Nun ŝi kusis ĉe la faŭko de sia kaverno, sian kapon ŝi kuŝigis sur siajn du antaŭajn piedojn, ŝiaj flavecaj okuloj kvazaŭ lampo ek- kaj ekbrilis kaj ŝia haroza vosto moviĝis senĉese. Ŝi murmuris. Poste ŝi ekhurlis pro sovaĝa kolero kaj dentogrince retiriĝis en sian kavernon. Ŝia ido ĝeme kroĉiĝis al ŝi, sed vane ĝi maĉis, skuadis la sekajn mamojn.

Subite obtuzaj batoj skuis la kavernon. La tero bruis desupre: sovaĝaj batoj trafis la supron de la kaverno. La lupino eksaltis supren, poste ŝi refalis sur la antaŭan lokon. La kolon ŝi etendis supren kaj tiel orelumis. Jam falis malsupren malgrandaj terbuloj, ĉiam pli kaj pli abunde. La lupino kuregis al la elirejo.

Ŝi haltis. Longa, akra pikstango baris ŝian vojon. La lupino rifuĝis en la fonon de la kaverno. La batoj plioftiĝis. Nun jam ŝutiĝis la tero kvazaŭ hajlo. La lupino hurlante furiozis sur sia kuŝejo kaj sian idon ŝi defende premis sub sin. Kaj konstante ŝi rigardis la pikstangon penetrantan elekstere.

La tero disfalis ĉe la supro de la kaverno. Nun jam ankaŭ tie oscedis granda apertûro. Kaj ankaŭ de tie enpenetris brila, larĝa, akra ferstango. La lupino saltis flanken. La fero disŝiris ŝian karnon inter la ripoj. La persekutato saltis al la elirejo. Ŝi terure ekhurlis. Sed ŝi baldaŭ eksilentis, ĉar la longa, brilanta fero penetris en ŝian buŝon.

La lupĉasistoj elportis la faligitan ĉasaĵon kaj ankaŭ la sufokiĝintan idon. La ĉasistoj estis tri. Unu havis en la manoj ŝovelilon, la alia hakpioĉon, la tria rektklingan falĉilon. Iliaj eluzitaj botoj estis ĉirkaŭligitaj per drato kaj iliaj peltoj, ĉapoj estis pezaj de koto, graso kaj de la paso de la jaroj.

— Ho — diris unu el ili. — Lupo.

La aliaj genuiĝis apud la besto.

— Jes — ili kapbalancis. — Vere ĝi estas lupo. Strange.

Sed ilin ne multe interesis tiu strangaĵo. Ili ja sekvis spuron de vulpo, ili esperis pri pelto de vulpo, kaj jen subite antaŭ ili kuŝis lupo. Nur kiam ili senpeltigis ŝin per lertaj manoj, — ili ja bone sciis tiun metion ,nur tiam ekparolis la homo kun la falĉilo.

— De kie vagis ĉi tien tiu ĉi lupo?

Ankaŭ la aliaj interrompis la laboron. Iliaj malgrasaj, barbozaj vizaĝoj turniĝis unu kontraŭ la alia. Jes, vere. Kiamaniere venis ĉi tien tiu ĉi lupo? De ilia infanaĝo ne estis lupo en ĉi tiu regiono. Gi estas terura besto! Kaj ili kaŝobservis dum du tagoj-noktoj pro tiu ĉi bestaĉo! Ĉu la butikisto donos ok pengojn ankaŭ por la pelto de ĉi tiu besto? Tiom li pagis antaŭ monato por la pelto de vulpo. Ili rigardadis la malgrasan beston, ili karesadis ŝian pelton kaj levadis la lupidon.

— Tiu ĉi... tiu ĉi sovaĝulo eble estus nin disŝirinta — opiniis unu el ili.

— Jes ŝi certe estus farinta tion. Des pli kiam ŝi estas malsata! Kaj ŝi estis tia — diris la alia.

— Ŝi ne estus satiĝinta per ni — gestis la tria.

Ili laboris plu. Dumlabore unu el ili klinis sin al la besto kaj ĉe ŝia pikvundo li lekis la sangon koaglintan. Ankaŭ la aliaj du klinis sian kapon al la pikvundo. Ili rigardis unu la alian. Iliaj okuloj konfuziĝis. Nun jam nur du faris la senpeltigon. La tria faris fajron. Eble ili senkonsciiĝis pro la ensuĉita lupsango, aŭ pro la malsatego, alie ili ne estus farintaj tion, ĉar la fumo povas allogi la ĉasgardistojn. Sed kiam ekflamis la ŝtiparo, tiam la viandpecojn de la lupo ili pikis sur la pinton de la falĉilo kaj hakpioĉo, tenante ĝin super la fajron kaj ili senpacience pensis nur pri la sekvonta festenmanĝo. Jam de monatoj ne estis viando en ilia buŝo kaj ankaŭ pano nur antaŭ tri tagoj kaj duono. Se oni povas nomi pano la branan, glueman knedaĵon kolorigitan per faruno.

Ili ĝojis pro la kaptaĵo! La luprostaĵo ja estas malbonodora, sed tamen ĝi estas nutraĵo! Kompreneble ĝi estas nutraĵo! Kaj tiu lupido estas vera delikataĵo. Ili manĝegis nur la femurojn, maĉante la malmolan, malbonodoran viandon ĝisoste. Ili konservis la ripajn partojn, tiuj tre bonvenos hejme. La hejmanoj ankoraŭ ne manĝis viandon de sovaĝbesto

Ili kusiĝis ĉirkaŭ la fajro, sekigante siajn ĉifonojn. Iliaj vizaĝo, manoj estis sekegaj pro la vento, arbara aero kaj malvarmo.

— Ni fariĝas rabiaj hundoj, kamaradoj — diris la viro kun la falĉilo.

— Eĉ pli malbonaj. Hundoj ne manĝas lupon — murmuris la viro kun la ŝovelilo. —

Ĉu vivas besto sur la tero, kiu nutras sin per lupo? Ne, ne, ne. Nur la homo.

— Estas homoj, kiuj manĝas homviandon — rekomencis la tria, kun la hokpioĉo.

— Tiu loko estas tre malproksima — gestis la viro kun la ŝovelilo. — Ie tre malproksime, ili estas nigraj . . .

— Nia viando estas blanka, jes, blanka. Niaj sinjoroj suĉas nian sangon. Vive ili elsuĉas nian forton . . . — li falkusiĝis apud la estingiĝanta fajro, sur la malseka tero kaj de tie li murmuris. — Sed iam ankaŭ ili havos malbonan tempon.

La restan branĉlignon ili ĵetis sur la fajron. Ili sternis sin kaj provis ekdormi. Du el ili eĉ endormiĝis. La tria, la viro kun la falĉilo, eksidis kaj sian kapon suspekteme turnis al la vento. Lia vizaĝo rigidiĝis kaj sian manon heziteme li etendis al siaj kamaradoj. Sed li kompatis ilin . . . Denove li orelumis. Li surgenuiĝis. La vento plifortiĝis, la arbaro muĝis. La kapo de la gardostaranto arke tiris post sin la korpon dum la observado.

— Ni kuru — li diris mallaŭte al si, poste li frapis la dormantojn. — Ni kuru — li kriis. — Venas hundoj, sinjoroj kun hundoj.

Ili kuregis. Ilin postsekvis la persekutantoj. Super la arbaro sovaĝe flugis la vento. Eksonis pafoj.

Iam kaj tiam iu stumblis el ili. Ili helpis lin stariĝi kaj kuris plu. Branĉoj krakadis, la vento muĝis kaj alblovis ilian dorson. La viro kun la falĉilo falis. Pro la falo li ĵetis malproksimen sian batalilon.

La aliaj haltis. Ili returnis sin. Ilia kamarado kuŝis surdorse kaj sur la dorso fluis sango el pafvundo granda kiel manplato.

Ili kuregis. Nun jam nur du. Iliaj okulglob-oj preskaŭ elorbitiĝis. Ili stumbladis sur radikoj elstaraj kaj brakdikaj. En iliaj oreloj bruis la bojado de proksimiĝantaj, sovaĝaj luphundoj, kaj la sono de pafado.

— Kuru — kriis la homo kun la hokpioĉo kaj li haltis.

— Venu, ne haltu — kriis la viro kun la ŝovelilo, sed la kamarado kun la hokpioĉo kuris returne. Li levis sian batalilon taŭgan por mortigo de lupo, freneze li kriegis sub la muĝantajn arbojn kaj frapis sian feron al la ripoj de hundo atakanta lin. Poste li falis. Abundo da ŝrotoj boriĝis en lian bruston.

La persekutantoj estis tri. Du ĉasgardistoj kaj la ĉefagronomo de la arbaro de la princaj bienoj. La hokpioĉo de la ŝtelĉasisto dishakis lian hundon. La sinjoro kovris la hundon per la freŝa lupopelto, kiun dumvoje trovis la persekutantoj. Li eĉ genuiĝis apud la fidela besto. Sed li forturnis sian kapon. La agonia, dolora rigardo de lia ŝatata besto dolorigis lin. Kaj li diris:

— Mortpafu ankaŭ la trian — li ekstaris kaj kriis: — Mortpafu tiun hundon!

La du ĉasgardistoj pafis. Poste ili rektiĝis el sia genuanta pafpozicio. Tie malproksime, ĉe la kurbiĝo, la tria ŝtelĉasisto antaŭen frapis per la brakoj! Li falis en la abismon, kvazaŭ li flugus aŭ naĝus.

El la hungara: **Ladislao Somlai**

# DISKUTO

## Ankoraŭ pri la elizio

El ricevita letero:

„Lerninte E-on antaŭ 17 jaroj, mi jam tiam konatiĝis hazarde kun kelkaj poemoj de Kalocsay kaj lernis ilin parkere. Bedaŭrinde, nia afero estis longtempe subpremita ĉe ni, sed en 1945 kun desplia entuziasmo mi dediĉis min al la laboro. Mi komencis krei E-ajn tradukojn de klasikaj verkoj el la mondliteraturo. Konsciante, ke veran sukceson oni povas atingi per tradukoj superaj al la nacilingvaj, mi klopodis resti plej-eble fidela al la originaloj, kaj tamen trovi plaĉan kaj agrablan formon en E-o. Ĉe tio mi spertis, same kiel Kalocsay, ke la etendo de la apostrofigo al la finaĵo -aŭ estas neevitebla, kaj plue mi devis vaste apliki la apostrofon ĉe substantivoj kaj la artikolo. Sed, ho ve, mi ne trovis aprobon kaj komprenon. Kelkaj simple deklaras, ke E-o apenaŭ taŭgas por poezio, aliaj diras, ke oni devas doni al la tradukoj formon konvenan al la „spirito" de E-o, ktp. Nu, se mi procedus laŭ tiaj opinioj modaj, kaj inspiritaj precipe de anglaj samideanoj, la tradukado perdus ĉian intereson por mi, ĉar la tradukoj iĝus plataĵoj, falsaĵoj. Nun, ekz-e, Brendon Clark deklaris (Esperanto, julio 1947): „Neniom da elizio, neniom da nebezonataj neologismoj; nenian neordinaran vortordon; nenian kunpremon de malsimpla ideo

en unu kunmetitan vorton". Kaj plue: „Oni uzas elizion nur el du kialoj; unue, ĉar oni ne sufiĉe havas la lingvon por eviti ĝin; due, ĉar oni ne povas liberigi sin el la influo de la naciaj lingvoj." Do, s-ro B. C. volas esti pli Zamenhofa ol Zamenhof mem, kiu — feliĉe! — enkondukis la apostrofon por la poezio. Ĉu la apliko de la apostrofo pruvas pri lingva nekapableco, nu, tion eble povas montri komparo de traduko lia en la citita numero kun la mia ĉi-kune donita. Temas pri la traduko de la Byrona soneto: *Sonnet on Chillon*.

**Traduko de Brendon Clark.**

Libereco, la Spirito de l' animo!
Nepre en subtera ĉelo Via gloro
Brilas, ĉar vi loĝas tie en la koro,
Kiu pulsas nur pro Via alproksimo.
Kiam oni ĉenas pro idea krimo
Viajn filojn, for de lumo kaj mondverdo,
Ties lando venkas per ilia perdo,
Via nomo ĉie gajnas de l' estimo.
En Chillon la ĉelo estas sankta loko,
Kaj altaro ties planko al Espero.
Jen la piedmarkojn sur la daŭra roko
Faris Bonnivard! pri kies sinofero
Ili ĉiam diros, kaj per koralvoko
Pledos kontraŭ tiraneco sur la tero.

**Traduko de Wilhelm Th. Oeste**

Spirit' eterna de l' senĉena mens'!
Plej brilas, Liberec', Vi en kaptej',
Ĉar estas ĉi la kor' por Vi l' loĝej' —
la kor' al Via sekva nur potenc'.
Kaj kiam Viajn filojn fiatenc'
katenis en humida volbobskur',
la land' per la martiroj gajnas nur,
vastflame flugas la libera pens'.
Chillon-kaptejo! estas Vi sanktaĵ',
kaj l' plank' malĝoja jen altar' ĉar ĝi
tretiĝis, ĝis la spurojn eĉ de l' paŝ',
kvaz' lom', la frosta montris ŝton' en vi
de Bonnivard! — Ho, restu la markaj',
ĉar vokas ĝi el tiranec' al Di'.

Mi ne scias, kion vi opinias pri poemo, en kiu ĉiuj versoj finiĝas je -o, sed laŭ mia lingvosento tio signifas, meti la kronon sur la artefaritecon de E-o, kiu estas la ĉefa argumento kontrau ĝi ĉe niaj malamkoj . . . E-o jam evoluis de post la morto de Zamenhof: la radikaro plilarĝiĝis, kelkaj novaj afiksoj enkondukiĝis, ktp. Sed ni prenu ekz-e la formojn „estintas", „vidatas", aplikitajn de Kalocsay kaj Setälä. Same, la la vera natura leĝo estus, ke la artikolo povu esti apostrofita antau kaj post vokalo, almenaŭ en la poezio. Simple ellasi la artikolon, kiel tion faras la apostrof-malamikoj, estas komforta metodo, sed neniel pravigebla. Kaj la elizio de la -aŭ-finaĵo estas multe pli rajtigebla ol tiu de la substantiva finaĵo, ĉar la koncernaj vortoj estas multe pli unusence difinitaj. Ekz-e: *vin', ĝin', min', sin'* sonas same kiel *vin, ĝin, min, sin,* dum *bald', ank', ankor', apen'* ktp. estas nenio alia ol adverboj.

Mi devis konstati, ke mi renkontas ĉie kontraŭstaron. Ĉu stulteco, primitiveco, naiveco tion kaŭzas? Egale. Mi prefere pereas, ol adaptiĝi al evoluo, kiu alportos al E-o ne venkon, sed ridindigon kaj forgeson.

**Wilhelm Th. Oeste.**

Kara Samideano!

Teorie vi estas tute pravu. La apostrofo estas Fundamenta kaj ankau nepre necesa en la poezio. La elizio de -aŭ estis uzata de Grabovski kaj de mi, kaj aprobita de Zamenhof mem. La artikolo estas apostrofebla ne nur antau „de", sed antaŭ ĉiuj prepozicioj vokalfinaj, eĉ antaŭ konjunkcioj: ĉu l', ke l', se l'. Sed — la praktiko estas alia afero. C. E. R. Bumy diras en sia Arto Poetika:

. . . uzu apostrofojn rare.
Ne svarmu ili en la vers' elstare
Kaj pike, kiel en la fiŝviando
La etaj ostoj, kiuj dum la frando
Minacas ĉiam hoki en la gorĝo.
Ni tusas — ĉesas la agrabla sorĉo

Koncerne la elizion de -aŭ, oni devas memori, ke ĝi estas nekutima, sekve embarasas la leganton kaj des pli la aŭdanton. Oni do uzu ĝin nur tre rare, vere nur en ekstrema neceso. Oni devas atendi, ĝis la publiko, per tiuj maloftaj ekzemploj, iom post iom alkutimiĝos.

Do, mia konsilo estas: ne tro krude, ne tro trude. Oni devas kalkuli kun la limoj de la toleremo ĉe la esp-istoj. Ĉi tiuj ĝenerale ne tro entuziasmas pri poezio, devas digesti ties neologismojn kaj aliajn malagrablaĵojn. Se ni tro streĉas la aferon, ni tute fortimigas ilin. Memoru, ke al la virtoj de la esperantisto apartenas ne nur la obstino, sed ankaŭ la pacienco.

Se nun paroli pri la tradukoj de la Byrona soneto, oni povas facile konstati, ke la traduko de Brendon Clark havas tre grandajn mankojn. Zorgante ekstreme pri la evito de la elizio, li donis nur preskaŭtradukon, kiu tre malperfekte, vere nur proksimume interpretas al ni la originalon. La unua verso estas tute nenidira. En la kvina verso malagrablege tuŝas la nepardonebla kejlo: „idea krimo" — kiel ja povus Byron nomi krimo la agadon de Bonnivard, kiun tiom li gloras? Ne nur epitetoj estas ellasitaj, sed tutaj pensoj. Kiam Byron parolas pri la sentagluma obskuro de la haladzanta karcervolbo, B. C. tion interpretas per „for de lumo kaj mondverdo". Certe, B. C. ne solvis la tradukon de tiu poemo, malgraŭ ke li plilongigis la versojn per unu silabo.

Traduko via estas pli kompleta, sed ankaŭ ĝi havas mankojn: la kvara verso estas apenaŭ komprenebla, la dekdua verso estas enigma, en la dektria verso „de Bonnivard" pendas iel en la aero. Krome, la traduko ŝajnas iel krude kunmartelita, la amasiĝintaj apostrofoj faras ĝin malglata, abrupta.

Mi provis la tradukon fari jene en la originala ritmoskemo:

Spirit' eterna de l' senĉena mens',
Liber' ! en ĉeloj vi brilegas plej,
Car estas ĉi la kor' por vi loĝej':
Nur via am' ĝin ligas kun potenc'.
Se viajn filojn juĝis juratenc'
Je ĉen' sub volb' haladra sen tagbril',
Ĉi martirec' por land' estas util':
Ventporte flugas pri Liber' la pens'.
Ho Chillon, sanktas via ĉel-obskur',
Altar' la trista planko en ĉi kel',
Ĉar kvaraŭ estus ties ŝtona dur'
Kampmola, Bonnivard en ĝi tra l' ĉel'
Eltretis sulkon. Restu tiu spur',
El tiranec' vokante al ĉiel' !

Ĉu tiu ĉi traduko estas akceptebla? Nu, ĝi estas sufiĉe fidela, ankaŭ la komprenebleco estas kontentiga — tamen, ĝi ne plaĉas al mi. Ĝi estas kundensigita, kunpremita, mankas klarigaj konjunkcioj, kaj la multaj elizioj faras malagrablan, krudan efekton. Oni havas iel la ĝenan senton, ke la lingvo estas envolvita per vindoj kaj pro tiuj ĝi ne povas etendi siajn membrojn.

Oni devas rezignacii je tio, ke anglajn poemojn plej ofte oni ne povas traduki en la originala formo, ĉar en E-o tiu formo estas tro malvasta por la enhavo de la originalo. Se oni sin kroĉas al la originala formo, oni aŭ devas ellasi epitetojn, simpligi esprimojn ĝis plena plateco, aŭ abruptigi, kunpremi, kundensigi la enhavon. Sed per tio oni fuŝas la originalan efekton, ĉar en la originalo la lingvo etendiĝas libere, sen tia trudkitelo.

Tio, cetere, ne estas speciala malperfektaĵo de E-o. Ankaŭ la itala kaj la franca lingvoj estas pli maldensaj ol la angla, do ankaŭ en ili fiaskas la apliko de la originala formo ĉe elanglaj tradukoj. La hungara lingvo estas ekstreme elasta, kaj nia granda tradukartisto Árpád Tóth, povis interpreti anglajn poemojn en la originala formo tiel, ke li elektis amason da unusilabaj sinonimoj por tio. Sed — tiuj tradukoj sonas iel fremde por hungaraj oreloj, ĉar la hungara ne estas unusilaba lingvo, do tiuj multaj unusilabaĵoj faras ian nenaturan efekton.

Do, mi firme kredas, ke ankaŭ la Chillon-poemon oni neniam povos traduki kontentige per kvinjamboj: oni devas apliki pli vastan skemon. Tia povas esti la t. n. kromsilaba aleksandro. Ni provu:

**Soneto pri Chillon.**

Ho Vi, Spirit' eterna de la senĉena menso,
Libero! En la ĉeloj plej lumas Via gloro,
ĉar en ĉi lokoj vere Vi loĝas en la koro,
kiun nur Via amo katenas per potenco.
Se Viajn filojn juĝas je ĉenoj juratenco
kaj je obskur' de volbo haladza sen tagbrilo,
ĉi martireco dotas la landon per utilo,
ĉar ĉiuvente flugas pri la Liber' la penso.
Chillon, sanktejo estas en vi la ĉel' obskura,
altaro la malĝoja pavimo de ĉi kelo,
ĉar Bonnivard ĝin tretis, ĝis, kvazaŭ ties dura
kaj frida ŝtono estus herbejo, tra la ĉelo
la paŝoj sulkon markis. Ho, restu, marko spura,
ĉar el la tiraneco vi vokas al ĉielo!

Nun la traduko estas senmanke fidela — ĉio enestas. La lingvo marŝas komforte: oni povas ĝin deklami kun bona efekto. Kiom da gajnoj, por la sola ofero, ke mi iom plilongigis la versojn!

# LINGVO

### Pri la kunmetajoj.

S-ro Brendon Clark, en siaj eldiroj pri poezio, oponas ankaŭ kontraŭ la kunmetaĵoj. Per tio li malkaŝis, kiom li dependas de la angla lingvo, ĉar ĝuste la eblo esprimi sin au adjektive — konforme al la romidaj lingvoj, aŭ per kunmetaĵo — lau la greka kaj la ĝermanaj — estas unu el la plej grandiozaj avantaĝoj de E-o, farante ĝin vere internacia kaj adaptebla al la plej malsamaj pens- kaj esprim-manieroj. Mi bedaŭras, ke eĉ Kalocsay cetere tiel senantaŭjuĝa kaj larĝanima, ĉi tie volas starigi lingvan leĝon refutatan de la vivantaj lingvoj mem. Ne estas prave, ke la tendenco formi kunmetaĵojn adjektivo-substantivajn — cetere tre necesa en la poezio pro metrikaj bezonoj — estas kaŝa deziro forigi la adjektivan finaĵon entute, kaj ke tiaj kunmetaĵoj estas ofendo al la lingvosento. En la greka kaj germana lingvoj tiaj kunmetoj abundas kaj tamen la adjektivo neniom perdis el sia valoro kiel memstara vorto. La maniero, en kiu Kalocsay pravigas la ŝajnajn esceptojn de sia leĝo, neniel kontentigas, ĉar oni provu apliki tiun analizon je: sanktakvo, dikfingro, ruĝgorĝo ktp.

Jen kelkaj ekzemploj pri adjektivo-substantivaj kunmetoj el diversaj lingvoj:

Greka: kakofonio, mikrokosmo, telegrafo, televizio, hieroglifo, akropoliso ktp.

Germana: Schöngeist, Gelbsucht, Frohsinn, Langmut, Hochschule, Grossvater, Scharfblick, Hochsommer, Rotbart, Blaufuchs, Neujahr, Feinkost, Engpass, Tiefsee, Blödsinn, Weissbrot.

Angla: sweetheart, holiday, freemason, grandfather, greenhorn, highway, broadway.

Franca: belami, bonhomme, grand-père ktp.

Multajn ekzemplojn oni povus citi ankaŭ el la dana-norvega-sveda.

Analizante ĉi-suprajn kunmetojn, oni konstatos, ke ĉe la plej multaj la anliza procedo de Kalocsay ne estas aplikebla, ke la unua vorto de la kunmeto estas tute klare epiteto de la dua vorto. Oni do ne starigu ĉinajn murojn ĉirkaŭ nia lingvo per aposteriore kreitaj leĝoj.

**Wilhelm Th. Oeste.**

Kara Samideano! Mi faris tiun leĝon, kiun vi komparas al la ĉina muro, ne el rigidemo, sed el la esploro de la dinamiko de la esperanta vortkunmeto. Cetere, tiu leĝo tute ne estas tiel rigora, kiel vi diras: ĝi allasas multajn tiajn adjektivo-substantivajn kunmetojn: dikfingro, junedzo, ĝentilhomo, ruĝgorĝo, rapidvagonaro ktp. Sed ĝi diras, ke tiuj estas pli malpli fremdaj elementoj en la lingvo, do ili ne estas imiteblaj *ĝenerale*. Kaj ili ne signifas strikte nur tion, kion iliaj elementoj: ili havas ian specialiĝintan signifon; tion plej bone montras, ke ili povas havi epiteton kun la mala senco de la kunmetita adjektivo: maljuna junedzo, malĝentila ĝentilhomo, maldika dikfingro, malrapida rapidvagonaro. „Plenmano da mono" estas bone uzebla, sed ĝi ne rajtigas diri: „li venis al mi kun malplenmano". „Dikfingro" ne pravigas la vortojn „diklibro" aŭ „dikonklo", „rapidvagonaro" ne pravigas „rapidbirdo" au „rapidknabo". Kion vi dirus pri la frazo: „La ĝentilprofesoro donacis beleglibron al la eminentstudento?" Vi certe malaprobus ĝin. Nu, la kaŭzon, de tiu malaprobo en unu kaj aprobo en alia okazo (dikfingro ktp.) mi konstatis kaj faris el ĝi regulon.

La samo validas ankaŭ pri la germana lingvo. *Schöngeist, Gelbsucht, Frohsinn* ekz-e ne rajtigas nin diri: *Schönhund, Gelbtisch, Frohfräulein*. Kaj mi protestas ĝuste kontraŭ tiaj kunmetoj: belhundo, flavtablo, belknabino. gajknabino.

Oni devas rezignacii je tio, ke tiu rimedo de lingvodensigo estas kontrau la lingva naturo. La poezia neceso do ne povas ĝin pravigi, ĉar ĝi estas trans la limoj de la poezia licenco. Certe vi ne pledus baze de poezia neceso por la neglekto de la akuzativo, kiel ajn utile estus ofte rimigi nominativan vorton kun akuzativa aŭ apostrofi akuzativan substantivon. Kara Samideano, ni ne strebu je ia ajn kosto atingi tian denson, je kia la lingvo ne kapablas; prefere ni elektu pli longajn versojn por traduko de anglaj poemoj.

Kompreneble, regulajn kunmetojn, kiel ajn longaj tiuj estas (plezuravido, triumfebrio, firmamentarkajo k. s.) oni uzu senskrupule; tiuj estas hejmaj en nia lingvo, bone kompreneblaj kaj bonefektaj.

**K. Kalocsay**

### Modo post „kvazaŭ".

Jen ankoraŭ nedecidita demando, eble pli signifa, ol la PO-afero. Tri opinioj interluktas. Lau la unua: oni devas uzi ĉiam kondicionalon, se „kvazaŭ" funkcias konjunkcie, kaj indika-

---

La samaj konsideroj min gvidis al tio, ke mi tralaboru mian tradukon de la Shelley-a Odo al la Okcidenta Vento. Sed en ĉi tiu traduko al mi ŝajnis grava konservi la seninterrompan jambecon. Aliflanke, la sesjambo, kun la meza vira cezuro, en E-o estas nevenkeble malfacila formo. Tial mi elektis la sepjambon (jambinon, laŭ la termino de B. Clark). La tradukon oni trovas en ĉi tiu numero. Kiuj ĝin komparos kun la kvinjamba traduko (en la Eterna Bukedo), tiuj rekonos, kiel malperfekta estis ĉi lasta.

Kara s-do Oeste, bonvolu revizii iom vian opinion. Cetere, L. M. tre ĝojus, se vi ensendus viajn tradukojn.

**K. Kalocsay.**

tivon nur, se ĝi estas adverbo. Laŭ la dua, „kvazaŭ" ĉiam postulas indikativon. Lau la tria, post la konjunkcia „kvazaŭ" povas stari jen indikativo, jen kondicionalo, lau la senco.

Ni mem pledas por la unua opinio.

Inter la subjunkcia kaj adverba uzo de „kvazaŭ" oni povas distingi tiel, ke la subjunkcia „kvazaŭ" ĉiam enkondukas subpropozion komparan, dum la adverba „kvazau" aŭ troviĝas en ĉefpropozicio: „li kvazaŭ frenezis pro la ĝojo", aŭ, se ĝi troviĝas en subpropozicio, tie ekzistas krom ĝi ankoraŭ subjunkcio: „oni diris, ke li kvazaŭ frenezis pro la ĝojo".

Sed kial oni uzu us-modon post la subjunkcia „kvazau"?

La Plena Gramatiko motivas la us-modon post „kvazaŭ" per tio, ke la konjunkcia „kvazaŭ" enkonkudas *fiktivan komparon*. Dirante, „li ŝanceliĝis, kvazau li estus ebria", oni esprimas, ke li *ne estis* ebria, sed li ŝanceliĝis kiel li ŝanceliĝUS, se li estUS ebria.

Nun ni rigardu la jenan frazon: „li ŝanceliĝis, kiel iu, kiu estas ebria". Aŭ, mallongigita: „li ŝanceliĝis, kiel se iu estas ebria". Jen, ĉi tie oni uzas nepre indikativon.

Kio estas la diferenco inter la du frazoj? En la unua mi komparas la ŝanceliĝon de neebriulo al tiu de ebriulo tiamaniere, ke mi identigas ilin. Estas kompreneble, ke tian identigon oni povas fari nur *fiktive*. Oni do devas tiun fiktivecon esprimi per la fiktiva modo, kondicionalo, us-modo.

En la dua frazo, mi komparas la ŝanceliĝon de neebriulo al la ŝanceliĝo de alia persono. Tiu komparo estas reala, ne fiktiva. Oni do devas uzi indikativon.

„Kvazau" do estas ne simple „kiel se", sed ĉiam „kiel -us, se". Ties kaŭzo estas, ke en la kvazaŭ-propozicioj ĉiam enestas *kontraŭdiro:* identigo kaj komparo. La identigon esprimas la persona pronomo, la komparon la esence kompara signifo de „kvazaŭ". Tiun kontraŭdiron oni povas solvi nur tiamaniere, ke la propozicion oni fiktivigas per la us-modo.

Lau la tria opinio, povas esti okazoj, en kiuj la indikativo estas ĝusta. Ekz-e, se mi scias pri homo, ke li kutimas esti ebria, mi povas diri: „li ŝanceliĝas, kvazau li estas ebria" — per tio mi diras, ke li ŝanceliĝas, kiel en tiuj okazoj, kiam li estas ebria.

Sed tiu rezonado estas erara. Tiaokaze mi ne *komparas* lin al ebriulo, sed mi *supozas*, ke li estas tia, kia li kutime estas, t. e. ebria. La supoza subjunkcio estas „se", oni do devas meti „se". „Kvazaŭ" ne estas uzebla, ĉar temas ne pri komparo, sed pri identigo: mi identigas lian nunan staton al lia kutima stato. Oni do devas uzi la identigan subjunkcion „kiel". La frazo tekstos: „Li ŝanceliĝas, kiel se li estas ebria".

Mi rimarkas ankoraŭ, ke el la zamenhofa lingvo-uzo oni ne povas tiri konkludon, ĉar li uzis en tute analogaj frazoj jen usmodon, jen indikativon. Tiu dumaniera uzado aperas ĉe li eĉ en la sama frazo: „Lin la popolo nomas reĝo, kvazaŭ la mondo nun denova komenciĝUS, kaj kvazaŭ malaperIS nun subite la historio kaj la tradicioj." Evidente, Zamenhof volis lasi malfermita ĉi tiun problemon. Sed, mi kredas, ke per la supraj konsideroj oni povas ĝin definitive solvi. Ne per „dekreto", sed per gramatika rezonado. Alparoloj estus bonvenaj.

**K. Kalocsay**

# OBSERVO

## Honoré Balzac

Antaŭ 150 jaroj naskiĝis Honoré Balzac, la granda realisto de la franca romanliteraturo. En grandioza romanserio, kiun li nomis „Homa Komedio" li pripentris sian epokon. Laŭ Engels, el tiu romanserio oni povas ĉerpi pli kompletan konon pri la franca socio inter la jaroj 1816—1848, „ol el ĉiuj libroj de historiistoj, ekonomoj, profesiaj statistikistoj de la epoko kune". Li estis, cetere, rojalisto, sed lia realismo en multaj punktoj kontraŭdiris sian propran konvinkiĝon: tio montriĝis en la senindulga pripentro de la regantaj klasoj, kaj en la admiro, kiun li ofte havis al la respublikanoj. „Ke Balzac devis kontraŭdiri al siaj klasaj simpatioj kaj politikaj antaujuĝoj; ke li *vidis* la neeviteblan falon de liaj karaj aristokratoj, kaj ke li priskribis ilin kiel senmeritajn je alia sorto; ke li *vidis* la verajn homojn de la futuro sole tie, kie oni povis ilin trovi tiutempe — ĉion ĉi mi rigardas unu el la plej grandaj triumfoj de la realismo, kaj unu el la plej grandaj apartajoj de la maljuna Balzac."

Balzac naskiĝis, oni povus diri, kune kun la Unua Imperio, kaj li evoluis en ties kadroj: multaj liaj figuroj montras lian respekton al la soldatoj de la Imperio. La oficiro *Genestas*, la generaloj *Montcornet* kaj *Grandchamp*, la kolonelo *Chabert* kaj aliaj estas priskribitaj kiel justaj, kuraĝaj, honestaj kaj fidindaj homoj, al kiuj ĉia intrigo aŭ malpura kalkulemo estas fremdaj. Kaj en ankoraŭ pli favora lumo li prezentas, en *Les Paysans*, la jakobenon Niseron, soldaton de la burĝa revolucio; liaj altaj moralaj kvalitoj faras lian figuron la plej altira en la tuta verkaro de Balzac. En tiu romano, la plej matura el liaj verkoj, bone vidiĝas la du aspektoj de lia sinteno kontraŭ la revolucio. Li kondamnas la revolucian perforton, sed aliparte, la revolucio havis, laŭ li „trajojn grandiozajn, kiuj donos al tiuj heroaj tempoj la senmortecon". „La Revolucio havis multajn soldatojn similajn al paĉjo Niseron, kiuj kantis siajn poemojn en la landinterno aŭ en la armeoj". En la Perditaj Iluzioj li kreas figuron de republikano, Michel Chrestien, homon de principoj kaj dotitan per la plej altaj moralaj kvalitoj, kiu par-

donas nenian kornptecon, kaj kiu mortas sur barikado apud la Cloitre Saint-Merry.

Balzac, aliparte kritikas la revolucion; tion klarigas liaj klasaj simpatioj. Sed li estas ankaŭ perfekte prava en tio, ke al la heroismo de la popolo li kontraŭmetas la finan rezulton de tiu epopeo. La Revolucio permesis al tia morala monstro, kia la maljuna Grandet, amasigi milionojn kaj iĝi ĉiopova mastro de Saumur. La Revolucio rivelis al Balzac la erarojn kaj la iluziojn de la Enciklopediistoj: la burĝa realo montris la malfortajn flankojn de la enciklopediista etiko, fondita sur la principo de la racia egoismo. Ne ekzistas romano de Balzac, kiu ne refutus tiun principon, montrante ke la egoismo, en kia ajn formo ĝi manifestiĝas, ne povas esti la bazo de la etiko, sed male, ĝi kondukas rekte al senmoralismo, kruelo, socia malegaleco pli kaj pli profunda.

Ĉiujn romanojn de la Homa Komedio saturas la kritiko de la burĝa mondo. En la medio, kiun li malfermas por ni: oligarkoj de la Borso kaj uzuristoj de la vilaĝo, rutinaj komercistoj de la provinco kaj grandurbaj negocistoj fieraj pri siaj blazonoj aĉetitaj per mono, aventuristoj ofendantaj la leĝon aŭ koruptantaj tiujn, kies tasko estas ĝin respekti, avaruloj, kaj malŝparuloj egale abomenaj ĉirkaŭas nin de ĉiu flanko. Balzac nudigas la parazitismon, la akaparemon de ĉiuj ĉi personoj; li montras, ke la spekulado, la akaparo, la ludoj de la Borso, kaj ne la produkto de materiaj valoroj estas la tipaj metodoj de la kapitalista riĉiĝo; ke la posedantoj nenion kreas, sed alproprigas kaj akumulas. Kaj tiu akumulado senbrida, kiu brutale kontrastas kun la mizero de la plej granda nombro, similas al pura kaj simpla rabado. Balzac komparas Grandet al tigro aŭ boao, kaj lian monujon al faŭko de sovaĝbesto, kiu englutas avide sian kaptaĵon.

„La Domo Nucingen" malkaŝas la skandalan fonon de la grandegaj profitoj, la falsajn bankrotojn de Nucingen, kiuj estas esence nur senhontaj ŝteloj, fontoj de riĉiĝo. La tragika historio de César Birotteau pruvas, ke en tiu mondo de malpuraj spekulacioj kaj strabaj aferoj ĉiu honesta kapitalisto estos fatale eliminita de pli lertaj kaj malpli skrupulaj konkurantoj. La burĝa mondo pentrita de Balzac estas ĝangalo, kies ĉefa leĝo estas: „morton al la malfortuloj!" Tie la homoj estas kvazaŭ ĉevaloj de poŝto, kiujn oni kurigas ĝis perdo de spiro inter du stacioj; ĉiu pensas nur pri si mem, volas fari sian karieron ĉia-ajn-koste, riĉiĝi per ĉia ajn rimedo, eĉ per falsado, perfido, mensogo, kalumnio aŭ bruta perforto. En tiu sovaĝa hakto por ekzisto ĉio forviŝiĝas kaj forgesiĝas: la homaj sentoj, la ligiloj de sango malaperas. La presisto Séchard priŝtelas sian filon David (Perditaj Iluzioj); la maljuna Goriot estas prirabita de siaj filinoj; la „bonulo" Grandet ĉaspelas sian ruiniĝintan nevon kiel hundon; la markizino d'Espart, kiu volas mem disponi pri la bienoj de sia edzo, internigas ĉi tiun kiel cerbmalsanulon. En tiu socio la geedziĝo estas simpla negoco. Juĝistoj, deputitoj, literaturo, virinaj karesoj, voĉo de elektantoj: ĉio estas aĉetebla. Tial en tiu mondo la esenca celo de la ekzisto estas la oro, ĉar oro estas potenco, kaj potencon aspiras ĉiu, kiu ne volas esti distretita. Esti mastro aŭ sklavo, treti aliajn aŭ esti tretita de ili: jen la dilemo. Tia estas la burĝa mondo de la Homa Komedio.

La burĝoj de Balzac memoras, kion ili ŝuldas al la Revolucio, kaj volonte ili afiŝas sian fidelon al ties principoj. La „bonulo" Grandet sidigas sian servistinon al sia manĝotablo, ĉar ĉiuj homoj „estas el la ripo de Adamo, kiel vi." Tio ne malhelpas tamen tiun demokraton trakti ĉiujn domanojn kiel sklavojn, kiuj devas lin blinde obei en ĉio. Ankaŭ la uzuristo Rigou (La kampuloj) devigas je plena sklaveco ĉiujn ĉirkaŭ si. En la „Brilo kaj mizero de kurtizaninoj" la autoro priskribas veran foiron de sklavinoj, kie la virino estas cedata por mono al iu ajn riĉa rivalo, simile al vulgara varo.

En la tuta Homa Komedio tratiriĝas la malamikeco de la burĝa mondo al la arto, la tragedia sorto de talento en mondo, kiu rekonas nenion krom la kontanta pago. Ĉasante sukceson kaj monon, Lucien Chadron, riĉe dotita naturo, vendas sian konsciencon, perdas sian talenton kaj finas per plena fiasko, dum Pierre Grassou, mezkvalita kopiisto, iĝas moda portretisto, akiras famon kaj riĉon.

En la burĝaj romanoj de la 18-a jarcento ĉiam estas punata la kulpo kaj rekompencata la virto; Balzac montras, tute male, ke ordinare la plejbonuloj suferas kaj la malbonuloj prosperas. Tamen, en la Homa Komedio, la eksteran triumfon de la akaparistoj kaj karieristoj akompanas interna ruiniĝo. Rastignac, Grandet, Chardon, Raphael de Valentin, morale mortigitaj de riĉ-avido kaj senskrupuloj, nehelpeble perdas siajn kvalitojn, sian talenton, sian tutan moralecon. Grandet kaj Gobseck, kiuj amasigas oron por regi, fariĝas fakte sklavoj — la sklavoj de la oro, la sklavoj de sia pasio de trezorkolekto. Al ili ĉiu homa sento iĝas fremda. La alegoria fabelo „Melmoth repacigita", legendo pri la homo vendinta sian animon al la diablo, tute speciale insistas pri la ideo trovebla en multaj aliaj Balzac-verkoj: kiu vendis sian animon, tiu estas ŝarĝo por si mem, estas homo finita.

Kun animpremega dramismo Balzac montras al ni ofte la riĉajn eblojn, la naturdonajojn de siaj herooj, kiuj povus brile evolui inter aliaj ĉirkonstancoj. Kelkfoje li pruntas al siaj personoj certan majeston: „Gobseck similis al la statuo de Voltaire, vidata vespere sub la peristilo de la Théatre Francais". Valentin

„havas la rigardon de Prometeo ĉenita, de Napoleono senpovigita.“ Rigou, la riĉa kaj akaparema kampulo „estus estinta Tiberio en Romo, Richelieu sub Louis XIII., Fouché, se li havus la ambicion veni en la Konventon.“ „Se la hazardo de la cirkonstancoj servus al Maxime, li estus estinta Mazarin, Richelieu, Potemkin.“ Sed kio fariĝas en la kapitalismo tiuj Voltaire-oj, Prometeoj, Napoleonoj? Gobseck iĝas la sklavo de sia oro, Rigou — maljuna diboĉulo ktp. La plej terura akuzo de Balzac kontraŭ la burĝa mondo estas, ke ĝi fuŝas la homon, mortigas tion, kio en li estas bona. La nunaj kompateblaj verkistoj konstatante la malbonon en la burĝa mondo, devenigas ĝin el la naturo de la homo, el la „eternaj leĝoj“ de la homa vivo. Balzac vidas la kaŭzon de la malbono en la socia kaj politika naturo de la kapitalista reĝimo. Liaj personoj ne estas denaskaj moralaj monstroj. La burĝa realo faras ilin tiaj.

La vivoverko de Balzac elspiras la fidon je la homo, je ties kapabloj naturaj, je ties riĉoj spiritaj. Ĝi abundas de akraj konfliktoj, viglegaj pasioj, profundaj pensoj. Ĝi rakontas tragikajn sortojn, ĝi nudigas nerepaciĝeblajn sociajn antagonismojn. La vivo en ĝi manifestiĝas kun potenca forto. Pripentrante kun realista arto la burĝan socion kun ties ĉiuj vundoj kaj kulpoj, Balzac montras, ke ĝi estas malamika al la Homo. Lia verkaro estas unika, genia akuzoskribo. **M. I.**

**Kanapa: La krimproceso de la juĝisto**

Ĉi tiu romano de la franca verkisto Jean Kanapa ŝajnas militanonco kontraŭ la moraldetrua Gide-a teorio, kiu longan tempon venenis la francan junularon. Kanapa ja tute ne mencias la nomon aŭ la verkojn de Gide, sed tamen, li atakas unuavice la misfaman ideon de la „action gratuite“.

En la verkoj de Gide estas dissemita tiu pseŭdoprofetado de zarathustra patoso, ke ne ekzistas bono kaj malbono, ke oni ne devas, ne povas kaj ne rajtas elekti inter ili, ke -decidinte inter du ebloj, oni malriĉiĝas sin mem, ĉar en la momento de la decido oni definitive eliminas unu el la prezentiĝantaj du ebloj. Kaj, ĉar sen ago tamen ne ekzistas vivo, se venas la vico de ago, oni agu „libere“, sen celo kaj motivo, arbitre, neinteresate pri tio, kion oni faras.

Tio ĉi estas la „action gratuite“, la senmotiva ago. Plej bone ĝin karakterizas epizodo en la romano de Gide: „La keloj de la Vatikano“. Iu centra figuro de la romano vojaĝas trajne al Romo. En la flankporda kupeo sidas krom li ankoraŭ unu homo. Tiu nekonata fremdulo klopodadas pri la malmola kolumo premanta lian kolon, kaj per tio vekas tian antipation en sia vojaĝkunulo, ke ĉi tiu simple lin elpuŝas tra la pordo de la kupeo el la kureganta trajno.

En la romano de Kanapa, ĉi tiu komundanĝera anarkista instruo estas akre kondamnita. En iun havenurbon, post longa foresto, revenas la virindemono de la drinkejoj. La viroj frenezas pro ŝi, sidas nokto post nokto en la drinkejo kaj en malsana febro atentegas la kanton kaj dancon de la virino. Sola homo restas indiferenta: la ĉeffiguro de la romano, speco de griza etburĝo, sed kiun ĉirkaŭas certa aŭtoritato: oni priauskultas lin, petas de li konsiloju. Tial li ricevas la kromnomon „juĝisto“.

La juĝisto ne ekdeziras la virinon, nek ĵaluzas ŝin. Tamen, en iu nokto, li akompanas ŝin el la drinkejo, interparolas kun ŝi kaj sen ia kaŭzo ŝin ĵetas en la -maron. Neniu lin suspektas pri la murdo, sed fine li perfidas sin mem. Oni lin arestas kaj kondamnas.

En la tria parto de la romano okazas surpriza turno: en la havenurbo eksplodas revolucio, la politikaj kapitoj ribelas, malarmas la gardistojn, okupas la pundomon kaj ĝin faras citadelo de la triumfa revolucio. Ili, kompreneble, liberigas nur la politikajn kaptitojn. La murdinto de la stratulino vane asertas, ke lin oni kondamnis kiel politikan kulpulon (lia advokato ruze lin ŝajnigis anarkisto), la revoluciuloj lin ĵetas inter la ordinarajn murdistojn. Ĉi tiuj, siavice, lin forigas el inter si, ĉar li murdis sen kaŭzo kaj intereso. Fine la revoluciuloj starigas lin antaŭ tribunalon, kaj, post ekscitega traktado, — kiu estas la kerno de la tuta libro — oni kondamnas lin je morto, ĉar por la nova socio ne ekzistas homo pli danĝera, ol kiu murdas sen kaŭzo, kaj precipe sen celo, eĉ ne el egoisma intereso, sed simple el kaprico, por elvivi — misuzante la ideon de la libero — sian individuecon je malutilo de siaj homkunuloj.

**Up front.**

„Up front“ estas desegnokolekto de B. Mauldin; ĝi enhavas karikaturajojn aperintajn dum la jaroj de la milito. Ni substreku, ke tiuj estis faritaj por gazetoj speciale destinitaj al la usona armeo, precipe por *Stars and Stripes*, usona militista revuo.

La herooj de tiu karikatura serio estas Willy kaj Joe, du usonaj soldatoj kun besta mieno kaj koruptaj moroj; ili, laŭ Mauldin, prezentas familiaran parodion pri la tipoj de la usona armeo.

La soldatoj de la diverslandaj armeoj ricevis dorlotan kromnomon: la francan oni nomas „poilu“, la anglan Tommie. La usona batalanto estas dorlotata per la mallongigo G. I., aŭ per la flata vorto „dogface“, t. e. hundvizaĝo, sonanta vere brutale. Nu, Mauldin prenis tiun nomon laŭlitere: liaj Willy kaj Joe similas multe pli al bestoj ol la homaj estajoj. Sed ŝajnas, ke per tio li trovis sian kalkulon: la publiko ridis, kaj li mem trovis la aferon amuzega.

Mauldin prezentas la militiron kiel triumfmarŝon de la jenkioj en Eŭropo. Willy kaj Joe traveturas per sia ĝipo la ruinaju

urbojn kaj detruitajn vilaĝojn, kaj ilin akceptas jen la levitaj brakoj de kapitulacantaj germanoj, jen la etenditaj manoj de la liberigitaj eŭropanoj, petantaj almozon.

Willy kaj Joe estas ĉiam ebriaj. Boteloj plenaj, fluigantaj sian enhavon, malplenaj, rompitaj — jen la konstantaj akcesoraĵoj de la Mauldinaj karikaturoj. Unu solan fojon Willy kaj Joe ekkoleras kontraŭ la germanaj nacistoj. Tio okazas en vinkelo: la vinflakoj, rompitaj boreloj, renversitaj kaj frakasitaj bareloj vekas en ili furiozon. „Ho vandaloj porkaj, putraj ! kion ili faris!" — ekkrias la du kamaradoj, kaj ili rigardas la detruitan kelon kun multe pli da emocio ol la ruinojn de la malnovaj monumentoj de la franca arkitekturo.

Krom drinko, Willy kaj Joe ankaŭ ŝtelas. Mauldin trovas tion amuza. Kun bonvola humoro li desegnas, kiel ŝtelas usona soldato kokinon de franca kamparano.

Realistaj konfesoj de sincera artisto ? Ne. Ĉe Mauldin oni sentas ian kareseman plaĉon pri la brutaj instinktoj de la soldato forŝirita el liaj patrujo, familio kaj normalaj vivkondiĉoj. Eĉ pli: tiu ebria barbaro, kun la kasko ĝis sur la oreloj, kaj kun la nerazitaj vangoj streĉitaj je idiota rideto, estas levita super la eŭropanojn, kaj prezentita kiel sola aktiva elemento inter ruinoj kaj kaoso.

Mauldin ridas pri la terura mizero de Eŭropo postmilita. En tuta serio li zorge fiksas la ruinojn, suferojn, mizeron kiujn Willy kaj Joe rigardas kun plena indiferento, kun cigaredstumpo gluita al la malsupra lipo. Ni vidas la jenan scenon: infano malgrasa sopire rigardas konservskatolon kaj panpecon, tenatajn de Joe en la mano. Kaj Mauldin estas sufiĉe aroganta por subskribi: La princo kaj la malriĉulo. Ĉu en tiu malkara simbolo oni ne sentas grasan kontenton pri la situacio, ke dependas de la bonvolo de onklo Sam, ĉu li ĵetas aŭ ne almozon al tiuj eŭropanoj?

Tia karakterizo de la soldato, cetere, ne estas unikaĵo de Mauldin. J. Selman en sia romano „Glavo por Serena" priskribas, kiel ĉasas du usonaj soldatoj-amikoj, Raff kaj Bengie, fuĝintan japanan oficiron, por akiri ties samurajan glavon por Serena, amatino de Raff. Li jam donacis al ŝi unu tian, nun volas havigi ankaŭ la duan, por ke ili estu pare pendigitaj sur murtapiŝo. Ili trovas la japanon jam mortinta. Raff prenas al si la glavon de la oficiro, kaj ties monujon afable translasas al Bengie. Subite venas al li ankoraŭ ideo: ĉu la japano ne havas ordentojn ? Jes ja, li havas, kaj Raff ilin elrompas por si per tranĉilo. La romantika glavo apartenos al Serena, la malpli romantika dento al Raff.

Sed ni povas tralegi multajn aliajn usonajn verkistojn: preskaŭ ĉie ni trovas la samajn karaktertrajtojn: cinikismo, rasa superemo, morala korupteco; ili kvazaŭ voluptas en ties prezento. En neniu usona libro pri la milito oni trovas la noblajn gvidprincipojn de la soveta militliteraturo, ke nome la venko super la faŝista besto estas dankebla al la granda humana vero de la demokrataj ideoj. Eĉ en la verkoj de Steinbeck kaj Caldwell la frontbatalanto estas ĝenerale tipo de „meza amerikano", laca de la milito, kies historian signifon li ne komprenas.

Ĉu tio estas hazardo ? Ne. Tio havas sian celon. Tiuj reakciaj usonaj verkistoj ne volas, ke la soldatoj havu politikajn ideojn pri la milito. Oni volas subpremi la politikan sencon de la milito — jen la esenco de la imperiisma politiko. Armitaj aŭtomatoj, profesiaj murdistoj — jen la idealo de soldato, kiel tion prezentas la romano de G. Hunt pri la aviadistoj, kaj H. Brown pri la infanterianoj. La amerika militarismo, krome, vidis en la faŝistoj la eblon de estontaj federuloj, do ne volis inokuli en siajn soldatojn la malamon al la faŝismo. La kontraŭnacisma milito tial estas prezentata kiel sporta konkuro laŭ egalaj rajtoj, kiel renkonto de sportuloj respektantaj unu la alian. „Mi batalos kontraŭ la germanoj, ili estas tiaj samaj homoj, kiaj ni"- tiel paroligas Hearsy unu usonan soldaton. „La milito inter ni devas simili al atleta vetludo."

Tiel do, la usona soldato, en la spegulo de la usonaj verkistoj, estas armita aŭtomato de la imperiismo, bandito, ŝtelisto, cinikulo, kiun allogas la malplena revo de la mondregado.

Ni ne kredas al tiuj literaturaj agentoj, kiuj prezentas la tutan usonan armeon kiel bandon da gangsteroj kaj de detruantoj ebriaj de sia forto, konvinkitaj pri sia supereco al la resto de la homaro. Ni scias, ke inter la vicoj de la usona armeo, batalinta en la dua mondmilito, estis grandnombre homoj, kiuj sincere malamis la faŝismon, sindone kaj konscie kontribuis al ties malvenko, kaj rigardis la sovetajn batalantojn kiel siajn federulojn por ellukto de granda komuna celo. Kaj ni esperas, ke la amerika leganto malŝatos tiun „arton", kies intenco estas bredi senopinian, senidean, cinikan militaŭtomaton por la „neevitebla" tria mondmilito de la imperiistaj aventuristoj. **R. S.**

**Moskva karaktero.**

La nova teatraĵo de A. Sofronov: „Moskva Karaktero" havas grandan sukceson en la sovjetaj teatroj. En ĉi tiu gaja komedio la autoro okupiĝas pri seriozaj aktualaj demandoj. La teatraĵo montras en konvinka maniero la grandan rolon, kiun la kolektiveco ludas en la vivo de la sovjetaj civitanoj.

La scenoj okazas en du entreprenoj de Moskvo post la milito: en maŝinfabriko kaj en teksfabriko. Potapov, la direktoro de la maŝinfabriko estas homo energia, ĉefo sperta. Li perfekte

organizis la laboron: la uzino sin preparas por plenumi la kvinjaran planon en tri jaroj kaj duono. Sed, sub la efiko de siaj sukcesoj, Potakov pli kaj pli sin fermas en la malvasta rondo de la interesoj de sia fabriko.

La direktorino de la teksfabriko, Svereva, kaj la edzino de Potakov, kiu direktas tie la sindikatan organizaĵon, venas al Potakov por peti de li helpon: iu laboristo de la teksfabriko inventis teksilon, per kiu oni povas multe plirapidigi la teksadon de la ŝtofoj kaj atingi, ke ili estu de bonega kvalito. La virinoj petas, ke la uzino de Potakov akceptu la mendon pri tiu teksilo. Sed Potakov rifuzas, dirante ke la fabriko jam estas superŝarĝita per mendoj. Li forgesas pri la interesoj de la ŝtato, kaj eĉ ne klopodas serĉi rimedon, kiel helpi la najbaran fabrikon. Kion li ne faras, tion faras aliaj, precipe la ĉefinĝeniero de la uzino; li konstatas, ke la uzino povas plenumi tiun kroman mendon. Sed Potakov obstiniĝas, kontraŭstaras, komenciĝas diskuto, disputo, lukto. Kaj tio estas la temo de la teatraĵo.

La edzino de Potakov, kiu sincere amas sian edzon, riproĉas al li, ke li fariĝis tromemfida kaj arbitrema. Iliaj rilatoj veneniĝas tiagrade, ke tio jam minacas per plena rompo. Tamen, kun la tempo, la okuloj de Potakov malfermiĝas. Li rekonas, sur kian deklivon lin portis lia memcentrismo. Pensante sole pri sia fabriko, li forgesis, ke li estas unu el la mastroj de la tuta lando — mastroj nombreblaj per milionoj. La virinoj venkas: la fabriko de Potakov liveras la teksilojn, kaj la teksfabriko povas provizi la landon per inunda kvanto da delikataj ŝtofoj. **K. St.**

**Intervjuo kun Nexő**

Martin Andersen Nexő, la granda dana romanverkisto, iĝis 80-jara. Je lia naskotago, la nederlanda ĵurnalisto Nico Rost faris kun li intervjuon, el kiu ni publikas ĉi tie kelkajn partojn.

— La sorto de miaj verkoj — diris Nexő moke — ŝajne montras barometre la politikan situacion. El la landoj de la popoldemokratio oni anoncas pli kaj pli da novaj eldonoj, kaj mi ricevas de tie entuziasmajn leterojn. En Usono, male, oni malpermesis la filmon laŭ mia romano „Ditte", kaj oni ne vendas plu miajn verkojn.

Mi interesiĝas pri lia nova romano „Ruĝa Morten".

— Ĝi estas daŭrigo de „Konkeranto Pelle". Vi scias, ke Morten estas unu el la ĉeffiguroj de tiu romano. Nun mi kontraŭstarigas Pelle-n al lia pasinteco. La romanon pri li mi verkis antaŭ preskaŭa homvivo da tempo, kaj ĝi esprimas la penson, ke la popolo nenion povas scii, ĉar ankoraŭ nenion ĝi komprenas. Laŭ „Ruĝa Morten", la popolo devas ĉion scii, por ĉion kompreni. Mi povus diri, ke Morten estas multe pli prudenta ol Pelle, kiu propre estas blinde facilkreda.

— Miaj malamikoj certe ne estos kontentaj pri ĉi tiu koncepto, sed des pli kontentaj estos, mi kredas, la ceteraj.

Venas amikoj vizitantaj, inter ili la verkisto Harald Herdal, tre populara en Kopenhago. Vigliĝas interparolo. Inter aliaj temas ankaŭ pri Kierkegaard.

— Ĉe ni — rimarkas Nexő —, dank al Dio, oni ne vidas enmodiĝon de Kierkegaard. Kaj ĝi ankaŭ ne estus necesa. Nun oni ne havas tempon por Mi-problemoj. Kiam la realo nin metas antaŭ pezajn postulojn, certa speco de homoj ekdeziras droni en saĝumadoj kaj disnebuliĝi. Ĉi tiuj salutas Kierkegaardon kiel sian homon, ĉar li forgesigas ilin pri la grandaj problemoj kaj donas al ili nur delikatajn detalaĵojn.

„Ĉio ĉi estas vera — mi diras —, sed tamen, ĉu la stilo de Kierkegaard ne estas admirinda?"

Nexő ŝtopas sian pipon kaj respondas serioze:

— Tia speco de stilo neniam vekas en mi admiron. Ĝi efikas al mi, kiel bela nobla vazo, en kiu oni iam tenis delikatajn vinojn, aŭ oleojn kaj parfumojn, sed kiu iom post iom arkaĵiĝis — kaj jen nun staras dekorative, sed malplene. Ĝi estas jam nur formo sen enhavo.

La interparolo poste turniĝas al la ekzistismo. Nexő kontraŭstarigas al Sartre Gorkij-on kaj Barbusse-on. Sartre ne scias respondon pri la problemoj de la homaro, Gorkij kaj Barbusse sciis, kaj ili montris, kiel la homo povas uzi siajn fortojn kaj potencajn eblojn por la bono de la mondo kaj de si mem. La problemo de la individueco? Ĝi estas sento de respondeco antaŭ la homaro.

Nexő laŭdas la bravan patrioton Kaj Munk, kaj parolas pri la skandinava liberheroo, la norvega Nordahl Grieg, depafinta super Berlin, el flugo en angla bomb-aeroplano.

— Multe mi cerbumis pri Kunt Hamsun — diras Nexő post mallonga paŭzo. — Vi eble miras, ke por mi Hamsun neniam estis granda verkisto. Mi persistis ĉe tiu ĉi opinio, eĉ kiam Thomas Mann diris lin la plej granda vivanta verkisto. Romain Rolland skribis iam, ke, luktante kun interna krizo, li turnis sin al Lev Tolstoj. Ĉu imageble, ke en tia animstato iu sin turnu antaŭ la milito al Hamsun? Al Gorkij, al Barbusse, al Heinrich Mann — jes. Sed al Hamsun — neniam. Se li estus vere granda verkisto, li ne kondutus tiel mizere dum la milito. La tasko de la verkisto estas: servi la homaron kaj montri vojon al la pli feliĉa futuro. Tial la vera verkisto ĉiam estas progresema, vidanta antaŭen. Li ne povas okupiĝi nur pri pasintajoj, li ne povas retiriĝi en varman angulon por malŝpari tie sian tempon. Li devas marŝi en frontantaŭo, kiel iam niaj malnovaj bardoj kaj skaldoj, kiuj kantis siajn fajrajn batalkantojn en la unua batallinio. Ankaŭ la hodiaŭa verkisto devas plenumi tian taskon: gvidi kaj kuraĝigi la batalantan homaron. La veraj verkistoj estas kvazaŭ antenoj de la homaro; ili aŭdas la korbaton de la tempoj . . .

Ĉiu silentis, ĉar parolis saĝulo: Martin Andersen Nexő. **K. L.**

**Moderna japana literaturo**

Post la malvenko de la japana faŝismo, la japana ĉefministro Kuni alvokis la japanojn je "nacia pento". Kun tia devizo ekiris la postmilita japana literaturo. Pluraj aperintaj libroj eldiris tre kondamnan kritikon pri la dummilita konduto de la japanoj. Precipe fervora estis ĉi-rilate Takami, la autoro de la libro "Funde de mia animo". "Mi devas konfesi la plenan veron — li skribis. — Mi vidas, kiajn hontindaĵojn mi faris." Li nomas sin malkuraĝulo, fripono, kreaĵo senigita je ĉia homa digno. Tamen, la aŭtoroj de tiaj pentaj konfesoj tute ne pensas pri tio, ke ili riparu siajn difektojn animajn, ili nur afektadas en la pozo de la publika memskurĝado. Kaj ilia argumentado konkludas finfine, ke la homa naturo estas nehelpeble falema.

Sed baldaŭ inundis Japanion la nuntempa usona literaturo, kies imitadon la okupantoj eĉ rekomendis kiel ekzemplon. Kaj multaj japanaj verkistoj montriĝis obeemegaj imitantoj. La romanoj de Sakaguki: "Virina korpo", "La idioto", "La virino kaj la milito" ekzemple pritraktas aventurojn de seksomaniaj kaj neurozaj homoj. En sia biografia romano -Sakaguki sin nomas "spirita gengstero", kaj konfesas, ke "dum la milito mi fajfis pri ĉio; mia sola principo estis, ke la homa vivo ne valoras eĉ unu groŝon". Li sincere rakontas, ke el nura scivolo li deziris vidi la pereon de tuta Tokio kaj de ties loĝantaro.

Tojaŝima Josio, en sia novelo: "La argilbarelo", montras la *sociopsihologian tipon* de la postmilita japano. Temas pri oficisto, kiu trovas la vivon sensenca kaj sencela. La milito finiĝis, ĉiu parolas pri demokratio, sed por la oficisto tio estas malplenaj vortoj. Li apatiiĝas kaj sentas nenion krom terura enuo. Foje li ekvidas renversitan argilbarelon. Li rampas sub ĝin, kaj en tiu momento li venas en la staton de beateco — fine li trovis, kion li serĉis.

Kaj nun, la pentajn konfesojn anstataŭis verkoj disvastigantaj la ideon pri la sensenceco de la homa ekzisto. La mondo estas morale koruptita kaj loĝejo de neŭrozaj homoj — ili deklaris —, la sola savo estas la soleco, la *argilbarelo*. Kompreneble, por pravigi tiun argilbarelismon, oni devas pruvi la koruptecon per vastega pritrakto de seksaj perversaĵoj kaj seksaj krimoj; jen do kion faras Sakaguki, Oda, Funabasi k. c.

Kontraŭ ĉi tiu "literaturo" staras la "Nova Japana Literatura Asocio", al kiu aniĝis 230 verkistoj, plejparte tiaj, kiuj estis kruele persekutataj en la 30-aj jaroj. La programo de la asocio estas: krei kaj disvastigi la literaturon de la japana demokratio; tian, kiu batalas kontraŭ la restaĵoj de la feŭdalismo kaj faŝismo, kaj por la vera renaskiĝo de Japanujo.

Kaj forte evoluas la demokrata literaturo. Eĉ la dekstrema kritiko rekonis la altan artnivelon de la romano "Ĉi tiu virino", de verkistino Hirabajaŝi. En ĝi temas pri virino, kiu aliĝas al la subtera movado, fuĝigas sian edzon el la karcero, kien li venis pro sia partopreno en la revolucia movado. Kijoŝi, Mijamoto, Tokunaga, Sada, Ineko ktp. okupiĝas en siaj romanoj pri la nuna japana vivo, pri simplaj homoj, kiuj luktas por la demokratiĝo de la lando, pri virinoj, kiuj el domsklavinoj iĝis revoluciulinoj, pri iamaj soldatoj, kiuj aktiviĝis en la sindikatoj, pri provincaj knabinoj, kiujn antaŭe oni vendis por sako da rizo, kaj kiuj nun, kiel aninoj de Junulara Organizacio, partoprenas en strikoj.

Oni devas diri, ke la okupantoj ne tre favoras tiun progreseman literaturon. La sovjetan literaturon ili jam tute ekzilis, kun la preteksto, ke ĝi ne estas "signifa por la demokratiĝo". Pri la enlanda literaturo ili estas larĝanime liberalaj, sed — la papero estas malmulta. Ĉiu revuo ricevas el ĝi juste egalan kvanton. Se do plimultiĝas la revuoj, malplimultiĝas ĉies paĝoj. Kaj la revuoj, kompreneble, plimultiĝas (ĝis nun ekzistas 370), do ĉiuj, ankaŭ la tri progresemaj, ŝrumpas je sveltaj flugfolioj.

Interesa diskuto okazis lastatempe inter la reakcia kaj progresema tendaroj. Reakcia literatura revuo publikigis artikolon pri tio, ke la tradiciaj versformoj — la "tanka" kaj la "haiku", eksmodiĝis, kaj la japanaj poetoj devas sekvi la stilon de la okcidenta, surrealista poezio. La progresemaj kritikistoj decide ekbatalis kontraŭ tio, deklarante, ke la popolamasoj amas tiun poezian direkton, trezoron de la popola literaturo. Oni organizas tanka- kaj haiku-verkantajn grupojn.

Antaŭ nelonge influhava burĝa gazeto aranĝis voĉdonadon pri tio, kiun verkon ĝiaj legantoj rigardas plej bona kreaĵo de la postmilita japana literaturo. La plej multajn voĉdonojn ricevis la du romanoj de verkistino Mijamoto Juriko. La unu — „La herbo de Kazaŝi“ — estas rakonto pri revoluciulo, kiu, kune kun sia edzino, 20 jarojn batalis en la subtera movado kontraŭ la malamikoj de la japana popolo. La dua — Ebenaĵo Bansu — estas vivhistorio de - komunistino. Tiu rezulto estis certe grandega surprizo por la iniciatintoj de la voĉdono. Laŭ **Kim.**

---

**Vortoj ne troveblaj en P. V.:** *apreci:* taksi iom valora; *bunta:* multkolora; *degni:* moŝte bonvoli; *disipi:* malŝpari; *flako:* pluvmarĉeto; *frida:* malvarma; *friska:* malvarmeta; *ĝipo:* soldataŭto; *insolenta:* ofende senhonta; *kirko:* preĝejo; *kitono:* helena virvesto; *kurta:* mallonga; *lanta:* malrapida, *loza:* malkompakta; *mesaĝo:* scisendo; *mizerikordo:* kompatindulgo; *morna:* premmalhela; *orgojla:* malhumila; *sombra:* malhela; *stuporo:* sensobtuzo. Vd. krome fine de n-ro 5—6.

**Korekto:** En n-ro 5—6, pĝ. 67., *„Ebrio“* 2-a kolono, 2-a strofo forstreku la 2-an verson (diri... trovas), kaj post la 9-a aldonu verson jene:

dankon
padonu mineŝtaŝ bria.
padon'

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury*, N. S. W. 653 Jones Street.

*AUSTRIO:* Librovendêjo „Tramondo", *Wien*, I., Neutorgasse 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel*—West, Pieter van Humbeckstr. 3. Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen*, Oestenstraat 26.

*BRITUJO:* Universala Esperanto Asocio, Heronsgate, *Rickmansworth*.

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio*, str. Tri Uŝi 15.

*ĈEHOSLOVAKIO:* „Revuo Esperantista", *Praha*, Uralské Nám 9.

*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago*, Pr. Jorgensgade 4 A.

*FINNLANDO:* Vilho Setälä, *Helsinki*, Onnentie 23.

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris*, 10 e. 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO.* Béla Berceli, *Budapest*, VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto nro. 4014.

*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana*, Cankerjevo Nabrazje 7/1.

Kroatia Esperanto Ligo *Zagreb* II. Amruseva 5/1.

*NEDERLANDO:* Nederlanda Esperanto Centro, *Rotterdam* W. Huygensstraat 17. B.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.

*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa*, Sienna 60, Poŝtĉeka konto I. 8266

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico*-Lisboa, Grao Vasco 33, r/c.

*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukuresti*, Casuta Postale 9.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 19, Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New York* 11, 114 West 16-th Street.

---

Deziras korespondi pri la nuntempa poezio kaj pri la problemoj de la arttraduko esperanta

**JOZEFO KLEIN,**

BUDAPEST, VII., Holló-str. 5. I. Hungario.

# ATENTU!

# GEJUNULOJ TUTMONDAJ!

# ATENTU!

De 14-a ĝis 28-a de augusto okazos en Budapest la grandioza „Festivalo" de la junularo tutmonda. Tie nepre devas esti reprezentata ankau la esperantista junularo! Partoprenu ĉi tiun belegan junularan renkonton!

La esperantista junularo de Budapest decidis kovri la restad- kaj nutradkostojn de unu junulo kaj unu junulino eksterlandaj, se li (ŝi) anoncos sin al la Festivalo kiel esperantisto kaj faros tie esperantlingvan paroladon. Sin anoncu tuj al la adreso de: Georgo Bálint, BUDAPEST 112., Poŝtfako 37. Nepre notu klare kaj legeble: vian nomon, aĝon, adreson, profesion (lernejo) kaj tion, kiam vi komencis lerni esperanton, de kiam vi parolas esperante, ĉu vi faris jam esperantan paroladon, ĉu vi skribis jam artikolon au instruis la lingvon. Skribu tuj!!

Felelős szerkesztő és kiadó: Berceli Béla — Globus nyomda N. V. Budapest, VI. Aradi-u. 8. — Felelős vezető: Kósa Zoltán